# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Oktobro 2000
ISSN 1163.0442

* Pri la enhavo respondecas la aŭtoroj mem *

71-a jaro, n-ro 10 (1144)
MENSUEL/MONATA

http://www.multimania.com/satesperanto/ * retadreso: satesper@cybercable.fr

# DANKON AL MOSKVO...



SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO ! LANTI

## EL LA REDAKTEJO...

*Karaj gekamaradoj,*
*Tiu ĉi numero de Sennaciulo aperas en iomete alia aspekto ol kutime. La kialo estas la transiro al la nova enpaĝigprogramo InDesign kaj la nova sistemo de presado. Nia presisto moderniĝis kaj havas certajn postulojn. Bedaŭrinde la redaktoro ne havis ankoraŭ tempon por bone konatiĝi kun la nova programo. Pro tio li pardonpetas pro eventualaj eraroj aŭ malglataĵoj en la enpaĝigo. Iom post iom tio pliboniĝos. Ankaŭ ni ŝanĝis litertipojn kiuj estas iom pli legeblaj. Bonvolu fari eventualajn rimarkojn. Tiu ĉi numero estas entute dediĉita al la kongreso en Moskvo. Tiuj kiuj ne partoprenis ĝin povos legi tre detalan protokolon kaj iamaniere tamen vivi tiun nian kongreson. Bonan kuraĝon por legado de tiu longa protokolo.*
*kamaradece via,*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso:
satesper@cybercable.fr.
sat@esperanto.nu
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 ,
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

Commission Paritaire n° AS-74399
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

## FAULHABERSEMAJNFINO 2000 EN NEDERLANDO

La Faulhabersemajnfino okazos ĉi-jare de la 8-a ĝis 10-a de decembro en la feriejo MENNORODE, Apeldoornseweg 185, Elspeet en Nederlando.
La temo estos : «REVOJ kaj IDEALOJ en la 21-a JARCENTO»

La programo komenciĝos vendredvespere per prelego de Nora Caragea. La titolo estos: «La libro **Hirthara Petro** kaj ĝia aŭtoro». La libro estas origine infanlibro el la 19-a jarcento, sed speciale en Germanio ĝi restis ĝis la nuna tempo «ĉiam verda», ne nur por infanoj, sed ankaŭ por plenkreskuloj. Nora klarigos al vi la kialon de tiu mirindaĵo.

Ni startos la sabatmatenon per vintra promenado en la arbarriĉa ĉirkaŭaĵo de MENNORODE sub gvido de ĉiĉerono. Poste okazos la kutimaj SAT- kaj eble ankaŭ TANEF-kunvenoj.

En decembro ĉie en la mondo esperantistoj rememoras la naskiĝtagon de Zamenhof. Estas nun bona okazo por ni ankaŭ fari tion. Sabatposttagmeze la litova ĵurnalistino Ginta Uittenbogaard malfermos la kunvenon per prelego, titolita: ***«Zamenhof kaj Litovio»***. Ŝi ankaŭ montros fotojn de diversaj Zamenhofaĵoj, kiuj troviĝas en ŝia lando. La alia preleganto estos Ed Borsboom, aŭtoro de la libro: «Vivo de Lanti». La titolo de lia prelego estos: ***«Zamenhof kaj Homaranismo»***. La koruso MALVO el la nederlanda urbo Alkmaar pliviglos kaj pligajigos la renkontiĝon. Dum la distra vespero la pupteatro el Zagreb prezentos al ni la teatraĵon: ***«La eta Princo»***, per kiu ĝi jam rikoltis multe da sukceso en diversaj lokoj.

Dimanĉamatene okazos, krom la jam kutima diservo, nun ankaŭ Humanista kunveno. Ĝin prizorgos la nederlandano Kees Ruig, kiu jam dum multaj jaroj estis prezidanto de la Humanista sekcio de Nijmegen.

Posttagmeze Jacques Schram prelegos pri : ***«Naciismo, internaciismo, sennaciismo»***. Naciismo kaj internaciismo ludas grandan rolon en nia tempo, sed kiu scias, kio estas sennaciismo ekster SAT-rondoj?

Pri la lasta prelegonto ni ĉi-momente (fine de aŭgusto) estas ankoraŭ en intertrakto. Tio estas do ankoraŭ surprizo.
Petu aliĝilon ĉe Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH HEER HUGOWAARD, se vi ŝatas partopreni. Kostoj ĝis la 1a de novembro estos NLG 175.- aŭ NLG225.- por vendredo ĝis dimanĉo kaj NLG130.- aŭ NLG150.- por sabato ĝis dimanĉo. La prezoj dependas de la lukso de la ĉambro. Poste NLG15.- pli.

Al nia sidejo alvenis tre kompleta dosiero pri nia kamarado Waldon. Pro manko de spaco en tiu ĉi numero, la detalaj informoj pri k-do Waldon aperos en la novembra numero de Sennaciulo.

La Redakcio

## REFERENDUMO 2000-2001

**En la numero de januaro 2001 aperos referendumilo por voĉdoni pri la propono de k-do Bustin. Tiu ĉi referendumilo estos resendenda antaŭ la 28-a de februaro 2001.**

**Por tiuj, kiuj tion deziras, en la numeroj de novembro, decembro 2000, januaro kaj februaro 2001 de Sennaciulo, povos aperi eventualaj kontribuaĵoj, opinioj pri tiu propono.**

# PROTOKOLO DE LA 73-A KONGRESO DE S.A.T. EN MOSKVO

Partoprenintoj 125 (kun alvenintoj lastmomentaj) el 7 landoj.

### ALVENO

Kongresejo : Kompleta kongresa programo okazis en la Moskva Ŝtata Industria Universitato, en kiu cetere oni devige instruus Esperanton al la studentoj. Post la registriĝo kaj transpreno de kongresdokumentoj, ĉiuj gekongresanoj renkontiĝis en la salono antaŭvidita por interkonatiĝa vespero. Tie renkontiĝis multaj malnovaj geamikoj kaj oni renkontis la novajn.

### SOLENA MALFERMO

Dimanĉe je la 10h30 okazis nia solena malfermo de la kongreso. Neniu



*Prezidanto de la O.K.K., Nikolao Gudskov, bonvenigas la kongreson.*
Fotis. R. Bouchet

el invititaj urbaj funkciuloj povis persone partopreni. La kongreso ricevis plurajn skribajn salutvortojn. Inter aliaj skribe salutis la kongreson: *Prof. Nikolaj Hohlov*, rektoro de Moskva Ŝtata Industria Universitato, *Prof. Anatolij Ŝlapin*, rektoro de interŝtata Universitato "Ruthenia", *Wolfgang Reuter*, Direktoro de la Moskva buroo de UNESKO kaj *Ludmila Ŝvecova*, la unua vicprezidantino de la Moskva registaro. Ŝian saluton ni reproduktas: *"Karaj geamikoj! Mi tre ĝojas saluti esperantistojn - la partoprenantojn de la 73-a Kongreso de SAT - sur la moskva tero. Dum jarcentoj Moskvo estis la ĉefurbo de la multnacia Rusa regno. En Moskvo loĝas reprezentantoj de dekoj da popoloj, tial la ideo pri internacia interkompreniĝo estas proksima al moskvanoj. Disvolvo de interkompreno kaj reciproka estimo inter la popoloj estas tre grava en nia komplika tempo, kiam okazas eksplodoj de nacia ekstremismo kaj interetnaj konfliktoj. Moskva registaro penas multon fari por solvo de urbo, kreo de laborlokoj, plibonigo de la situacio de laboruloj. Estus tre bone, se nia sperto en tiuj kampoj disvastiĝos en la tuta mondo pere de la lingvo Esperanto.*

*Moskvon multo ligas kun Esperanto. En nia urbo dum kelka tempo loĝis la iniciatinto de Esperanto, Lazarj Markoviĉ Zamenhof, estinte tiam studento de la medicina fakultato de Moskva Universitato. En Moskvo loĝis kaj laboris pluraj famaj esperantistoj. Mi esperas, ke nuna Kongreso de SAT kontribuos al evoluo de tiuj tradicioj.*

*Daŭru plu via nobla agado, direktita al plifortigo de la paco, egaleco de la popoloj kaj kulturoj kaj internacia solidareco!*

*Mi deziras al ĉiuj partoprenantoj de la Kongreso sukcesan laboron kaj agrablan ripozon en nia gastama urbo.*

*Ludmila Ŝvecova"*

Tiu ĉi kaj aliaj salutvortoj aperis en la Kongreslibreto. Sekvis la salutoj de reprezentantoj el diversaj landoj. El Aŭstralio salutis k-do *B. Heinze*, Aŭstrio k-do *M. Hollinger*, Belgio k-dino *S. de Weerd*, el Francio salutis nome de SAT-Amikaro k-do *M. Hardy*, El Germanio salutis k-do *L. Vulfoviĉ*, el Hispanio nome de HALE k-do *M. Bustin*, el Hungario, *Kalman Szekeres*. Sekvis saluto el Japanio de nia k-do *Yamasaki Seiko*, el Litovio K-dino *Gražina Opulskiene*, el Rusio k-do *Gudskov*, el Svedio k-do *D. Levitan* kaj el Ukrainio k-do *D. Cibulevskij*. Nome de la SAT-junulfako salutis k-do *Antonio Cano Gomez*. Li legis jenan saluton:

*Karaj gekamaradoj, karaj geamikoj,*

*La Junulfako de SAT elkore salutas la 73an Kongreson de Sennacieca Asocio Tutmonda, kaj deziras al ĝi fruktodonan laboron.*

*Kvankam niaj membroj restas malmultaj, ni tamen havas ĉi-jare reprezentanton por vin saluti. Ĉiuj ĉeestantaj junuloj malpli ol 35 jarojn aĝaj estas varme invitataj alparoli nian reprezentanton por informiĝi pri la Junulfako. Li kunportis flugfoliojn kaj*



*Nome de la Junulfako salutas k-do Antonio Cano Gomez*
Fotis: R. Bouchet

*plurajn numerojn de LA JUNA PENSO.*

*Ni ankaŭ alvokas la pli aĝajn membrojn helpi la ĉeestantajn junulojn interkonatiĝi, kaj ni restas aŭskultemaj al iliaj proponoj.*

*Pro diversaj kialoj, inter kiuj estas la nuna milito en Ĉeĉenio, la kongresanoj ne estos ĉi-jare same multaj kiel kutime. Tamen pluraj junulfakanoj estus venintaj se tio eblus al ili materie, kaj neniu el ili bojkotas la kongreson. La Junulfako dankas kaj plej firme subtenas la OKK-n, kiu esprimiĝis kontraŭ la Ĉeĉenia buĉado, kaj aliĝas al ĉiuj klopodoj, kiuj estos farataj dum tiu kongreso por kondamni militojn okazantajn ie ajn en la mondo.*

*Ni denove dankas la OKK-n, kiu frontis escepte multajn malfacilaĵojn por prepari tiun kongreson, kaj vin ĉiujn, kiuj klopodis aŭskulti tiun longan paroladon ĝis la fino. Vivu socia progreso, vivu SAT!*

Sekvis salutoj de diversaj asocioj kaj individuoj : nome de kastelo Gresillon salutis la kongreson s-ro *Jeanik Marolleau*. Nome de Eŭropa jura universitato

salutis s-ro *Ŝileman*. Skribe krome salutis Libera E-Asocio (Germanlingva LEA) fare de k-do *Stephan*, de sekretario de LEA-Komitato, k-do *Cavalier*. K-do *Bert de Wit* skribe salutis nome de TANEF. K-do *Rollin* salutis nome de Amikeca Reto. K-do *Pelle Persson* sendis mesaĝon pro la neeblo partropreni kvankam li aliĝis. Li proponis diskuttemon al la kongreso: *"Kiel bremsi la malbonajn sekvojn de la tutmondiĝo de la ekonomio"*. K-do *Ron Lynn* el Britio sendis saluton, ĉar la malsano malhelpis lin vojaĝi.

Fine salutis k-do *Barkoviĉ*. Li esprimis sian kontenton ke la kongreso tamen okazas kaj kun iom pli da partoprenantoj ol efektive aliĝis. En la salono estas duono de ne SAT-anoj kaj espereble ili konatiĝos pli bone kun SAT kaj eventuale aliĝos pro la celoj kaj ideoj de SAT. Li invitas ĉiujn al la laborkunsidoj, al aktiva partopreno en la laboroj (kvankam nur SAT-anoj rajtas voĉdoni). Li proklamas la kongreson malfermita.

Post la tagmanĝo okazis promenado tra la urbo kaj vizito al Kremlo.

**UNUA LABORKUNSIDO**

La kongreso komencis labori lunde matene. Estis proponitaj kaj elektitaj kvar prezidontoj de laborkunsidoj: *Leo Vulfoviĉ, Martin Bustin, Franciska Toubale kaj Gražina Opulskiene*. Sekvis la elekto de la proponkomisiono por Gvidrezolucio kaj Deklaracio. Ĝi konsistis el kvar personoj: *Bernie Heinze, Djemil Kessous, Tamara Popova, Renato Ballaguy*.
Ĝenerala sekretario de SAT k-do *Barkoviĉ* anoncis la liston de gekamaradoj kiuj forpasis dum la pasinta jaro kaj ili estis rememoritaj per minuto de silento. Aldone ĝen. sekretario informis, ke dum la pasinta jaro al SAT aliĝis 33 novaj membroj.

La unuan laborkunsidon prezidis **k-do *Leo Vulfoviĉ*.**

**Plenum – Komitato**

K-do *Barkoviĉ* memorigis, ke dum la kongreso en Karlovy Vary tiu punkto provokis grandan reagon. Kiel produkton de disputoj en pasintjara kongreso, por tiu ĉi kongreso k-do *Bustin* proponas la ŝanĝon de la Statuto. Prezidanto de la kunsido k-do *Leo Vulfoviĉ* laŭtlegis tiun parton de nuna Statuto kiu koncernas Plenum - Komitaton.

Aŭtoro de la propono, k-do *Bustin* prezentis sian kalkulon, ke laŭ nuna Statuto, al PK rajtas kandidatiĝi nur 9 urboj, sekve nur 132 membroj de SAT. Li opinias, ke tio malebligas al multaj gekamaradoj kandidatiĝi al la PK. K-do



*La unuan laborkunsidon prezidas k-do Leo Vulfoviĉ*

*Fotis: M. Hollinger*

Bustin proponis la modifon de §9 kaj §10 en la Statuto. Li proponas, ke daŭre PK estu elektata por 3 jaroj, konsistu el 7-8 membroj, sed oni kandidatiĝu persone aŭ grupe. Sekve al la propono en la §9 kaj §10 anstataŭ vortoj "urboj – kandidatoj" ĉie devas esti la vortoj "individuoj aŭ grupoj". K-do *Bustin* opinias, ke tia ŝanĝo permesos al membroj el diversaj lokoj eniri en la PK-on.

Prezidanto de la kunsido k-do *Vulfoviĉ* havis demandon ĉu eblos en tiu kazo, ke PK kunsidu ĉiun duan semajnon kiel nun, se membroj de PK estos de diversaj lokoj.

K-ino *Toubale* intervenis dirante, ke reale por la PK estus malfacile kunsidi estante en la diversaj partoj de la mondo, ĉar komputila reto ne ĉiam estas utila. Tamen ŝi pensas, ke se kongreso akceptos la proponon ŝanĝi la Statuton tiam pli da membroj interesiĝos pri agado en la PK, estos pli aktivaj kaj tio ebligos la asocion antaŭen iri.

K-do *Hardy* avertis, ke PK kiu estus en la konekso per la elektronika reto ne estas reala kaj ne facile aplikebla.

Intervenis k-do *Yamasaki*, kiu postulis, ke dum la kunsido oni severe sekvu la ordon, ne intervenu sen vico kaj ne ĝenu la laboron per privataj konversacioj.

K-do *Levitan* diris, ke propono de k-do *Bustin* estas bona ideo, sed ekzistas temoj kaj okazoj kiam PK ne povas ĉion pridiskuti per reto kaj devas renkontiĝi persone. Ankaŭ ne plaĉis al k-do *Levitan*, ke prezidanto de la PK havas la decidan voĉon en tiu kazo, se voĉdonante pri iu afero la voĉoj dispartiĝas po egale "por" kaj "kontraŭ".

K-do *Barkoviĉ* klarigis, ke laŭ la Statuto, se la rezulto de la voĉdono estas po egale "por" kaj "kontraŭ" tiam la voĉo de la prezidanto de PK estas decida kaj gajnas tiu grupo en kiu li estas. Tamen tio ne validas, se estas la plimulto en unu grupo, tiam estas akceptata decido de la plimulto, sendepende de tio ĉu prezidanto de PK estas en tiu grupo.

K-ino *Maziy* en sia interveno konfesis, ke ŝin iom ŝokas, ke kongresanoj parolante pri la ŝanĝo de la statuto ridas, ĉar ŝi opinias, ke tiu temo estas tre grava, nur ne ĉiuj partoprenantoj de la kunsido tion komprenas. Ŝi opinias, ke aktuala Statuto, kiam al PK oni kandidatiĝas laŭ urboj, estas «bona por francoj, ĉar ili estas bona grupo, bone laboras, bone kunvenas. Por ili tio estas plezuro, sed por aliaj tio estas diskriminacio". Laŭ ŝi kulpas la konservismo de SAT-anoj, kiuj timas uzi elektronikan poŝton, kaj solvi per ĝi demandojn starigitajn al la PK. K-dino *Maziy* diris, ke ŝi mem ne uzas komputilan reton, sed sugestas ĉiujn ne timi kaj lerni uzi modernajn teknikilojn. Laŭ ŝia opinio per elektronika poŝto PK povus interkontakti, fari decidojn kaj persone kunveni dufoje dum la jaro, ekzemple, por Kristnasko, veni al kunsido per biciklo k.t.p.

Prezidanto de la kunveno, k-do *Vulfoviĉ*, redemandis ĉu k-ino *Maziy* proponas, ke oni laŭ Statuto devigu ĉiun eventualan PK-anon havi la eletronikan poŝton.

Respondante k-dino *Maziy* neis tion. Ŝi klarigis, ke ŝi nur subtenas la proponon de k-do *Bustin* pri la ŝanĝo de la Statuto kaj solvon de PK kunsidoj ŝi vidas en elektronika poŝto.

K-do *Kessous* diris, ke tia PK povus interparoli pere de la foruma rondo en Internet.

Ĝen.sekretario de SAT, k-do *Barkoviĉ*, respondante al k-dino *Maziy* substrekis, ke ne estas la privilegio de francaj SAT-membroj dufoje dum la monato vespere veni al la sidejo por pritrakti diversajn aferojn, kelkfoje eĉ tedajn kaj stultajn, ekzemple, purigadon kaj farbadon de muroj. Li ne konsentas, ke tio estas privilegio, ĉar nur esperantistoj de pariza regiono prezentis sin, kaj neniam iu alia

urbo, kiu ankaŭ rajtas. K-do *Barkoviĉ* diris, ke li ne scias kial tiel estas, sed li ne konsentas, ke francoj havas tiun privilegion. Parolante pri la elektronika reto li klarigis, ke persone li multege uzas ĝin, li konstante laboras per ĝi, sed estas ege malfacile kunveni kaj pritrakti la aferojn per ĝi. Li ne kontraŭas al ideo, ke PK elektita laŭ la ŝanĝita Statuto estus pli demokratia, sed li ne vidas, ke reala laboro de tia PK estus facila. Kiel ekzemplon li menciis laboron de Ĝenerala Konsilantaro kiu principe devus funkcii laŭ tia modelo, sed reale laŭ la konstato de k-do *Schram* ne estas tiel facile, ĉar ne ĉiuj konsilantoj posedas retpoŝton. Same k-do *Enderby*, kiu estas la prezidanto de UEA kaj loĝas en Aŭstralio jam menciis, ke estas malfacile havi kontakton kun Roterdamo kie troviĝas la sidejo. K-do *Barkoviĉ* konkludas, ke se laŭ aktuala Statuto estas maljusta afero la fakto, ke fariĝi membro de PK ne povas persono kiu ne loĝas en granda urbo, tiam post ŝanĝo same maljuste estos, ke normale labori en PK ne povos tiuj personoj kiuj ne posedas elektronikan poŝton.

K-do *Bustin* faris la precizigon, ke li ne estas kontraŭ, ke francoj estu la PK-anoj. Li ankaŭ konscias, ke nuntempe ne estas retpoŝto kontentiga solvo por kunsidoj, sed li pensas pri la estonto de SAT kaj li kredas, ke en estonteco tio bone funkcios. Do homoj devas havi rajton kandidatiĝi.

K-do *Hardy* memorigis, ke estas ankaŭ aliaj eblecoj aktive partopreni en asocia laboro: funkcias Ĝenerala Konsilantaro kie membroj de asocio povas kaj aktivi kaj utiligi e-reton.

K- do *Cibulevskij* subtenis la proponon de k-do *Bustin*. Li opinias, ke venis la tempo por fari tiun ŝanĝon, ĉar en aktuala situacio mankas demokratio. Li ankaŭ diris, ke eĉ se tiu ŝanĝo estos akceptita, tio ne signifas, ke francoj kaj nuna PK perdos la pozicion. Ja apenaŭ iu tuj arde ekdeziros labori anstataŭ francoj.

K-ino *de Weerd* komencis ŝercante, ke ŝi estas iom konservativa jam pro la aĝo, sed ŝi scias ankaŭ, ke ĜK havas malfacilaĵojn komunikante kaj ŝi apogis sin al la vortoj de k-do *Schram*. Pro la fakto, ke ne ĉiuj konsilantoj havas la retpoŝton, sekretario de ĜK devas surpaperigi por ili opiniojn de tiuj konsilantoj kiuj komunikas per la retpoŝto. Ŝi ankaŭ ne vidas kial personoj kiuj deziras influi la funkciadon de PK ne faras tion kiel konsilantoj. K-ino *de Weerd* ankaŭ havis la demandon ĉu jam estas en SAT personoj kiuj pretus formi PK laŭ ŝanĝita Statuto. Ŝi supozas ke en Hispanio tio povas esti



*Duan laborkunsidon prezidas k-dino Gražina Opulskiene*
Fotis. R. Bouchet

k-do *Bustin* aŭ iu alia, ŝi konsentas ke SAT devas reviviĝi kaj ankaŭ PK rejuniĝi, ke necesas havi junajn kaj energiajn personojn, do ŝi demandas la kongreson ĉu praktike ekzistas tiaj personoj pretaj labori jam nun.

K-do *Bustin* ankoraŭfoje substrekis, ke lia propono ŝanĝi la Statuton ne signifas, ke li celas forigi la parizan PK, li nur volas, ke ĉiuj membroj de la asocio havu la eblecon esti en la PK. Li nur faras la proponon, sed estas la kongreso kiu decidos.

K-do *Yamasaki* opinias, ke al la debato pri PK oni vane enmiksas temon pri ĜK. Li estas ĝenerala konsilanto kaj li scias, ke ĜK rajtas nur konsili al PK, sed plenumi devas PK kaj tio estas du diversaj aferoj.

Post mallonga paŭzo la kongreso daŭrigis la laboron.

K-do *Bustin* invitis la kongreson fari la decidon, ĉar li opinias, ke ĉio jam estas dirita kaj klara.

K-do *Ballaguy*, kiu estas membro de la PK, nur volis subteni la ĝeneralan sekretarion de SAT dirante, ke laboro en la PK ne estas avantaĝo, ĉar komitatanoj donas sian monon kaj tempon dufoje dum monato irante al kunsido. Li kredas, ke oni povas konservi la kernon de la PK en Parizo aŭ iu alia granda urbo, sed ankaŭ kelkaj membroj povas esti de aliaj lokoj, kondiĉe, ke ili havu la eblecon uzi la retpoŝton. Li ne certas, ke estos multaj tiaj kandidatoj. Aldone k-do *Ballaguy* klarigis, ke ne ĉiam dum la kunsidoj oni voĉdonas, ofte ili simple aranĝas la aferojn. Do se estus neceso fari iun gravan decidon tiam ĉiuj PK-anoj povus voĉdoni per elektronika reto.

K-ino *Toubale* revenis al la antaŭa propono fermi la debaton kaj voĉdoni pri la teksto proponita de k-do *Bustin*.

K-do *Petro Quillaud* demandis ĉu en la kazo, ke la PK ne plu estos en Parizo, la asocio devos prizorgi novan ejon, materialon kaj eĉ dungi novan ĝeneralan sekretarion.

K-do *Yamasaki* opinias, ke oni devas dividi du temojn: oficejo kaj PK estas du diversaj aferoj kaj funkciado de oficejo estas la afero de k-do *Barkoviĉ* dum PK devus okupiĝi pri la gravaj demandoj kaj temoj.

K-do *Hollinger* proponis, ke oni sekvu la regularon de la Statuto laŭ kiu ĉiu kongresano pri la sama temo rajtas paroli nur unufoje, alie la debato neniam finiĝos.

La prezidanto de la kunsido k-do *Vulfoviĉ* proponis voĉdoni kaj demandis la kongreson ĉu oni voĉdonu pri la teksto proponita de k-do *Bustin* aŭ oni devus plivastigi la tekston de ŝanĝo menciante, ke la sidejo restas en Paris, ke la kandidatoj al la PK posedu e-poŝton, k.t.p.

K-do *Barkoviĉ* intervenis klarigante, ke PK ne devas esti nepre en la sama loko kiel sidejo kaj en la historio de SAT jam estis tia kazo, ke la PK estis en Parizo dum la sidejo en Leipzig. Tamen estas tiel, ke en la kunvenoj de la PK komitatanoj traktas ĉion: kaj asociajn aferojn, kaj funkciadon de la sidejo. Li konsentas ke oni povas fari ke ekzistu PK, ĜK kaj kiel ĉe UEA oficistoj kiuj laboras surloke, sed fakte tio ne estas la temo de la debato, ĉar nun oni parolas pri konkreta propono de k-do *Bustin* kaj li proponas voĉdoni pri ĝi.

K-dino *Maziy* havis ankoraŭ demandon ĉu la kongreso rajtas decidi pri tiu ŝanĝo ĉar estas malgranda kongreso.

K-do *Barkoviĉ* respondis, ke decidan rajton havos la referedumo kaj nun la kongreso nur decidas ĉu tiu propono iros al la referendumo.

La propono de k-do *Bustin* estis akceptita per la plimulto (29 – por, 0 – kontraŭ, 3 – sindetenoj)

**Gvidrezolucio**

Ĝenerala sekretario de SAT, k-do *Barkoviĉ* substrekis, ke la PK plenumis ĉion kio estis antaŭvidita en la Gvidrezolucio.

K-do *Bustin* demandis kio estas

farita pri la ŝanĝo de la mondmapo.

Respondante, k-do *Barkoviĉ* memorigis, ke dum interesa kaj vigla debato en la pasintjara kongreso en Karlovy Vary venis la propono fari novan mondmapon. Estis kreita komisiono en kiun sin proponis tiuj kamaradoj kiuj estis plej laŭtaj kaj kritikaj. Tamen dum la jaro ili faris nenion. Du tagojn antaŭ la foriro al Moskvo por kongresi k-do *Charlot* donis la kalkulon, kiom da membroj estas en diversaj horzonoj, sed tio ne estas la nova mapo. Ĝenerala sekretario tion komentis, ke estas bele kritiki kaj tiuj kiuj kritikas estas bonvenaj, sed oni devas ankaŭ agi, ĉar nur tiam la asocio antaŭeniros. Tiuj kiuj estis laŭtaj kaj kritikaj pasintjare, nun ne estas en la kongreso. Li riproĉis al k-doj *Charlot, Lutermano* kaj aliaj, kiuj ne iris al la kongreso, ke dum la jaro ili faris nenion konkretan.

**ERA**

Neniaj komentoj.

**Opinienketo**

K-do *Bustin* memorigis, ke komisiono kreita de la PK pli detale pristudis la respondojn al opinienketo kaj aperigis konstatojn en maja numero de Sennaciulo. Kongreso estas invitata pristudi tion kaj alpreni decidon.

K-do *Barkoviĉ* precizigis, ke enketo aperis en Sennaciulo kaj estis pridiskutita en Karlovy Vary. Tiam la kongreso decidis krei komisionon por pli profunda studo: tio estis farita kaj en maja numero aperis rezultatoj. Do la ĝenerala sekretario invitis la kongresanojn pripaároli la staton de la asocio, trovi solvojn kiel akiri novajn membrojn, trovi kaŭzojn kial iuj interesiĝas pri aferoj de nia asocio kaj aliaj ne.

K-ino *Popova* plendis, ke ŝi kaj aliaj odesanoj ne ricevis majan numeron de Sennaciulo, sed ricevis du aprilajn.

K-do *Barkoviĉ* klarigis, ke pro eraro dum la ekspedo de Sennaciulo al kelkaj landoj estis senditaj duan fojon aprilaj numeroj, sed post konstato de tiu eraro kun junia numero estis forsenditaj ankaŭ la majaj. Li pardonpetis pro tiu miskompreno.

K-dino *Popova* diris, ke ŝi ne ricevis la majan kaj evidentiĝis, ke ankoraŭ kelkaj personoj spertis la samon.

La kongreso akceptis, ke pri opinienketo oni diskutu dum la aliaj kunsidoj kiam estos multobligita la teksto kun konkludoj de komisiono el maja numero kaj ĉiuj kongresanoj povos kun ĝi konatiĝi.

**Manifestacio de 1-a de majo**

K-do *Barkoviĉ* rakontis al la kongreso kiel okazis la manifestacio en Parizo okaze de la unua de majo en kiu partoprenis esperantistoj. La manifestacion partoprenis ĉirkaŭ 80 personoj sub pluraj E-banderoloj. Tio ne estis multe kompare kun grandaj sindikataj kaj aliaj grupoj, sed la rezulto estas bona. Ja estis distribuitaj 5000 flugfolioj pri Esperanto kaj laborista movado, multaj eksciis pri nia lingvo kaj pri tio ke esperantistoj ne estas neŭtralaj. Li rakontis sian impreson kiel poste, rigardante la manifestacion en televido oni povis vidi multajn banderolojn en Esperanto, ĉar esperantistoj iris inter aliaj partoprenantoj de la manifestacio kaj aspektis, ke ĉiuj tiuj personoj estas esperantistoj .

**Afero Waldon**

K-do *Levitan* rakontis, ke pasintjare li estis en San Francisko sed estis neeble viziti k-don *Waldon* en la mallibereјo. K-do *Levitan* nur sukcesis paroli kun persono kiu bone konas la aferon, sed iujn gravajn informojn por la kongreso li ne povas doni.

K-do *Barkoviĉ* informis, ke en julia Sennaciulo, kiu estis ĵus ekspedita estas du artikoloj pri *Waldon*. Nuna situacio ne estas bona, ĉar oni ne plu rajtas viziti k-don *Waldon*. Li rifuzas havi advokaton, ĉar li estas tre fiera kaj en Usono tio estas risko, ke li malgajnu. K-do *Barkoviĉ* anoncis, ke en Sennaciulo estas adreso de *Waldon* kaj kelkaj konsiloj kiel skribi al li.

K-ino *Toubale* demandis ĉu efektive estas ŝanĝo, ĉar antaŭe SAT-anoj estis avertitaj, ke eĉ skribi al k-do *Waldon* estas danĝere por li.

**Forumo pri E – Civito**

K-ino *Toubale* petis klarigon pri rilatoj inter SAT kaj Forumo pri Civito, ĉar en "Literatura foiro" ŝi legis strangajn aferojn pri Forumo.

K-do *Barkoviĉ* memorigis, ke kunveno de Forumo pri E - Civito okazis samtempe kun la kongreso de SAT en Karlovy Vary. Prezidanto de la P.K., k-do *Y.Peyraut,* partoprenis tiun kunvenon kiel observanto. Ĝis nun SAT observas kiel evoluas la afero, sed havas nenian kontrakton aŭ interkonsenton kun Forumo pri E-Civito.



*Belegan pianokoncerton prezentis al ni juna geniulo, 12-jara A. Korobejnikov*

*Fotis. R. Bouchet*

**Kampanjo 2000**

K-do *Levitan* petis klarigon kion signifas la mallongigoj kiuj estas en tiu parto de la raporto.

K-do *Barkoviĉ* respondis, ke temas pri laboristaj organizoj kiuj havas francajn nomojn kaj tio estas la mallongigoj laŭ la unuaj literoj. Tiuj organizoj estas grandaj kaj la PK skribis al ili, prezentis SAT, raportis pri la agado de asocio, sendis diversajn dokumentojn inter kiuj estis ankaŭ Sennaciulo kaj Sennacieca Revuo kaj petis pri interŝanĝo de informoj. Neniu de tiuj organizoj respondis. Tio montras, ke ili ne interesiĝas pri nia asocio kiu estas verŝajne por ili tro malgranda. Ĝenerala sekretario trovas, ke tiuj unuiĝoj estas hipokritaj. Ja ili ĉiuj nomas sin internaciaj, sed ne interesiĝas pri la ebleco komuniki internacie.

K-ino *Popova* petis de la kongreso permeson laŭtlegi la proponon de Odesaj esperantistoj, ĉar tio apartenas al temo "Kampanjo 2000". Ĉefa ideo de la propono estas la ideo turni sin al la registaroj kun sugesto enkonduki la uzadon de Esperanto en ŝtata nivelo. Teksto estis aperigita en maja Sennaciulo kaj k-dino *Popova* proponis al ĉiuj ĝin legi kaj konsideri preparante la Gvidrezolucion kaj Deklaracion.

K-do *Natinj* rakontis al la kongreso pri libro de S.Bergman "Vojaĝo tra la sovaĝa Kamĉatko", kiu kadre de Kampanjo 2000 estas tradukita el esperanto al rusa lingvo kaj en tiu kazo internacia lingvo servas kiel lingvo – peranto.

K-ino *Toubale* havis la demandon ĉu en UK oni denove planas la kunvenon de SAT anoj?

K-do *Barkoviĉ* informis, ke al Tel Aviv iros k-do *Gabalda*, kiu salutos UK nome de SAT kaj partoprenos en la kunveno de Strategia forumo. Kun la helpo de k-do *Yamasaki* li organizos kunvenon de SAT membroj, sed ĝenerala sekretario de SAT bedaŭros, se en tiu kunveno estos pli da membroj de SAT ol en kongreso en Moskvo.



*Dum la kvara laborkunsido prezidis k-do Marteno Bustin*
*Fotis. M. Hollinger*

**Membraro**

K-ino *Toubale* diris, ke male al Kreŝo, ŝi ne bedaŭras, se en UK partoprenos multaj SAT-membroj, ĉar eble aperos novaj SAT- membroj pere de tio.

K-do *Barkoviĉ* respondante al k-ino *Toubale* volis klarigi, ke li ne estas kontraŭ UK, nek kontraŭ kunvenoj de SAT tie, sed al li ne plaĉas, kiam homoj kredas, ke ili partoprenas en SAT-kongreso dum la UK. Tio ne estas vero, ĉar kunvenoj dum UK estas bona ŝanco por renkontiĝi, propagandi k.t.p., sed ili havas nenian decidpovon. Laŭ ĝenerala sekretario, la devo de ĉiu SAT-ano estas partopreni en SAT-kongresoj kaj fari decidojn pri la asocio. Do lin vere dolorus se estus pli multaj partoprenantoj en tiu kunveno dum UK ol en la SAT-kongreso.

K-do *Kessous* diris, ke laŭ li, en UEA-libroservo SAT devus havi apartan tablon kun la eldonoj de SAT.

K-do *Hardy* konstatis, ke ĉefa afero estas malkreskado de membraro kaj li opinias, ke LEA-oj povus pli aktive agi kaj analizi la kialojn de malkreskado de asocio.

K-do *Yamasaki* diras, ke la propono de k-do *Kessous* ne estas reala, ĉar UEA havas la monopolon dum UK kaj tio estas normala kaj klara afero, sed ili vendas ankaŭ SAT eldonaĵojn.

K-do *Ballaguy* diras, ke la temo "membraro" estas la plej grava temo de la kongreso kaj li demandas kiam pli detale tiu temo estos pridiskutata, ĉar dum tiu-ĉi kunsido ne plu estas tempo.

Laŭ la propono de k-do *Barkoviĉ*, la kongreso akceptis lasi tiun temon por alia kunsido kaj transiri al alia punkto.

**Administrado**

K-do *Barkoviĉ* parolis pri la situacio en la sidejo de SAT. Li diris, ke la plej multajn administrajn taskojn plenumas li, ĉar li estas sola salajrata oficisto. Li mem ne estas kontenta pri tiu situacio, ĉar li havas tro da laboro kaj ne eblas ĉion bone fari pro la manko de tempo. Tamen, en nuna stato la asocio ne povas pagi duan personon kaj la situacio estas tia kia ĝi estas. K-do *Barkoviĉ* diris, ke li pretas aŭskulti rimarkojn kaj kritikojn, se la kongresanoj tiujn havas rilate al la administrado.

Laŭ tiu temo venis neniaj rimarkoj, nur k-do *Theobald* avertis, ke la kongreso ne povas tuj trakti la temon "Kasraporto", ĉar kongresanoj ne havas junian numeron de Sennaciulo kaj ne povas kun la raporto konatiĝi.

K-do *Barkoviĉ* anoncis, ke li havas kopiojn de la kasraporto kaj post kunsido donos ilin al dezirantoj. Tiel la kongreso povos pritrakti tion dum la venonta kunveno.

**Rilatoj kun LEA-oj**

K-do *Bustin* diris, ke li plene subtenas la ideon kiu aperis dum la SAT- Amikara kongreso en Fouquieres-Lez-Lens, ke en ĉiu lando ekzistu nacilingva propagandilo afiŝebla sur la sindikataj tabuloj en la ŝtataj kaj privataj entreprenoj.

**Rilatoj kun TANEF**

K-ino *Toubale* havis demandon ĉu neĉeesto de membroj de TANEF signifas, ke la rilatoj inter SAT kaj TANEF malpliboniĝis.

K-ino *de Weerd*, kiu estas kaj membro de SAT kaj de TANEF memorigis, ke en la letero kiun k-do *Barkoviĉ* laŭtlegis estis donita la klarigo, ke TANEF ne havas la jaran kunsidon en Moskvo pro la fakto, ke ne multaj naturamikoj povas alveni al kongreso, sed tio ne signifas, ke rilatoj malpliboniĝis.

**Konflikt – Komisiono**

K-do *Barkoviĉ* raportis, ke k-do *Persson*, kiu estis la sekretario de la KK, pro sia sanstato rezignis pri tiu posteno kaj li proponis, ke tion akceptu k-do *Schram*. Samtempe k-do *Perrson* raportis, ke dum la lastaj jaroj ne estis konfliktoj en SAT.

K-do *Bustin* havis la rimarkon, ke laŭ lia opinio ne estas bone, se unu persono havas du postenojn en la asocio.

K-ino *de Weerd* demandis k-don *Bustin* ĉu li povas proponi alian personon, ĉar laŭ ŝia konvinko Jakvo ne tro tenas al tiu posteno.

K-do *Bustin* diris, ke solvon devas trovi la kongreso, sed neniu el kongresanoj havis iujn proponojn aŭ rimarkojn laŭ tiu punkto.

**Ĝenerala Konsilantaro**

K-do *Bustin* havis la demandon al ĝenerala sekretario de SAT ĉu eblas nun koni nomojn de personoj kiuj estas en ĜK.

Respondante k-do *Barkoviĉ* diris, ke ĉiuj nomoj estis aperigitaj en Sennaciulo kaj tiuj kiuj legas ĝin povis legi ankaŭ nomojn de 13 ĝeneralaj konsilantoj. Li laŭtlegis la leteron de la sekretario de ĜK k-do *Schram*. En la letero estis donitaj informoj kiel evoluis la afero inter kongresoj. En nuna ĜK estas 13 membroj. Bedaŭrinde ne estas facile komuniki. Ja ne ĉiuj havas la retpoŝton. La tasko de la sekretario estas prizorgi rilatojn inter la konsilantoj kaj kun la PK. Do li devas surpaperigi informojn por tiuj konsilantoj kiuj ne posedas la reton. En sia letero k-do *Schram* substrekas, ke dum multaj jaroj la ĜK ne estis aktiva kaj estas la merito de k-do *Pelle*, ke nun ĜK denove komencas agi. La ĜK havas taskon helpi al la PK per konsiloj kaj k-do Schram esperas pri kunlaboro. Cele de tiu laboro la ĜK postulas, ke la PK sendu la plenan raporton pri la kunvenoj de la PK kaj informojn pri ĉiuj demandoj pritraktitaj tie. Sekretario de la ĜK en la letero skribis, ke li esperas, ke ĉiuj SAT membroj komprenas la gravecon de la ĜK kaj taskojn de ĝi klare priskribitaj en la Statuto. Mem k-do *Schram* substrekis, ke li kosideras la taskon de la sekretario de ĜK ege serioza kaj pro tio ekskluzive donos siajn fortojn al SAT. Li promesis, ke lia politika prefero ne aperos en lia laboro de la sekretario, kvankam li daŭre aktivos

kiel liberecano.

Komentante la raporton de k-do *Schram*, k-do *Barkoviĉ* klarigis, ke la PK



*Juna rusino belege kantis dum la vespero dediĉita al fama aktoro Nikolaj Rytjkov.*

*Fotis. R. Bouchet*

mem proponis sendi la raportojn pri la kunsidoj, sed ĝi opiniis, ke informi ĜK valoras nur pri asociaj aferoj, ne pri sidejaj, kiel farbado, administraj klopodoj k.t.p., ĉar tio ne gravas por la ĜK. Li ankaŭ rakontis, ke la PK petis konsilon de la ĜK ĉu valoras organizi la kongreson en Moskvo kiam estas tiel malgranda kvanto de aliĝintoj, sed ĜK ne povis doni la respondon ĉar estis nur la komenco de la laboro de ĝeneralaj konsilantoj.

K-do *Yamasaki* diris, ke la raporto de k-do *Schram* estas sufiĉe ĝusta, sed k-do *Yamasaki* persone ne konsentas pri la postulo havi plenan raporton de kunvenoj. Li ne respondis al la sekretario pro troa okupiteco kaj lia silento estis akceptita kiel konsento, sed tiel ne estas.

K-do *Bustin* opiniis, ke ĜK pravas postulante plenan raporton, ĉar male oni devus modifi la Statuton. Li pensas, ke tio estas antaŭvidita en la Statuto.

K-do *Barkoviĉ* respondis, ke en la Statuto tio tute ne estas priparolita, sed la PK mem proponis fari tiujn raportojn por ke la agado de la PK estu travidebla kaj klara. Laŭ la Statuto, la rolo de la ĜK estas konsili al la PK kaj kontroli ĉu la PK agas laŭ la Statuto. La PK faras tiun raporton, sed k-do Barkoviĉ konsideras iom stranga postulon raporti pri ĉio .

Per tio la unua laborkunsido finis la laboron.

Post la tagmanĝo okazis prelegoj pri "Homaj rajtoj en postsovetio", renkontiĝo kun *S. Grigorianc* - defendanto de homaj rajtoj, politika malliberulo dum sovetia tempo. Sekvis prelego pri "Tolkien en Esperanto".

Vespere ni ĝuis belegan pianokoncerton de juna 12-jara pianisto *A. Koribejnikov*, laŭreato de diversaj internaciaj konkursoj.

**DUA LABORKUNSIDO**

Prezidas **k-dino *Gražina OPULSKIENE*.**

**Membraro**

K-do *Ballaguy* volas prezenti sian opinion, kiu rilatas al la membraro. Li prezentas la aktualan tutmondiĝon, globaliĝon, la pli grandan diferencon inter la riĉuloj kaj malriĉuloj. La problemoj estas tutmondaj kaj la solvoj devas esti nepre tutmondaj. La ĉefaj malamikoj estas : MTI (multnacia traktado pri investado), MOK (monda organizado por komerco), MFI (monda fonduso internacia), MB (monda banko). Ili pensas kaj agadas nur pri la profito de la malplimulto, pri la senigo de la konkurencantoj, kaj lasas al la ŝtatoj nefruktodonajn laborojn kiel polico aŭ traktado de senlaboreco. Ili konstante kunvenas (Davos, Parizo, Seattle) kaj la venonta estos en Prago. Nia k-do *Renato Corsetti* proponas al SAT-anoj manifestacii kontraŭ tiuj instancoj kaj la kunveno en Prago. Kion SAT faras kontraŭ la globaliĝo? Ĝi malfermas siajn kolumnojn al tiuj informoj kaj subtenas la agadon kontraŭ tiu globaliĝo. Sed tio ne sufiĉas. SAT devas kunagadi kun progresemuloj, tiuj kiuj havas etiketojn kaj tiuj kiuj ne havas. Li invitas kiel eble plej grandan nombron de SAT-anoj partopreni en tiuj agadoj, por ke SAT estu progresema ne nur surpapere kaj statute sed efektive. Tiel oni povos varbi novajn membrojn kaj novan sangon al SAT. Cetere la temo kiun proponas k-do *Persson* estas en sama direkto, pri la sama temo. Iuj UEA-anoj, ekologoj, sendis jenan poŝtkarton kaj skribas ke la monda situacio estas tiel kriza ke devus "esti fino de la rideta senzorgemo de niaj respondeculoj". "La tempo urĝas. Kontraŭ la vivo mem ne eblas neŭtraleco. Esperanto do estas lingvo de la vivo aŭ ĝi tute ne estos." Do li ripetas ke la plej bona maniero havi novajn membrojn estas la praktika kunagado kun la progresemuloj.

K-do *Stuppnig* opinias ke tiu prezentita problemo estas la plej aktuala problemo de la mondo. Jes, ni devas fari ion. La laboristaj partioj kaj sindikatoj bedaŭrinde ne kuniras en tiu direkto kaj li subtenas pli detalan pritrakton de tiu problemo kaj temo.

K-do *Barkoviĉ* provas iom puŝi la kongresanojn al la debato pri la temo membraro kaj prezentas la aktualan situacion. Momente nia membraro falis sub mil membroj kaj el tiuj 26 % estas el la malriĉaj landoj. Tiuj membroj alportas materie nenion al la Asocio sed ilia loko estas en SAT. Nu, tamen, ni nepre devas trovi novajn membrojn por ke SAT transvivu kaj daŭrigu sian aktivecon.

K-dino *Tamara Popova* subtenas la proponon de k-do *Ballaguy* kaj la enmeton de la konkludoj en gvidrezolucion.

K-do *Bustin* opinias ke, se oni respondos al la demandoj el la rubriko "membraro", jam estos iu rezulto.

K-do *M. Hardy* konstatas ke estas du kaŭzoj de la perdo de membroj. Unue - ni ne trovas sufiĉe da gejunuloj kaj due eĉ la malnovaj membroj tendencas ne plu pagi la kotizon. Ĉiuj membroj devus rekontakti siajn konatojn kiuj ne pagis la kotizon. Iu el la PK-anoj devus nur zorgi pri tio - almenaŭ por konservi la ekzistantajn membrojn. En SAT-Amikaro tion regule faras k-do *Sadier*.

K-do *Barkoviĉ* informas ke niaj landaj perantoj tion faras ĉiujare kaj sendas plurajn rememorigilojn al la nepagintoj. Bedaŭrinde la rezultato ne ĉiam estas bona. Rilate al la LEA-oj, nepre devus esti regule (almenaŭ ĉiujare unufoje) informo pri tio, kio estas SAT. Ja, la lernantoj estas unue membroj de LEA-oj kaj kiam ili aliĝas al LEA-o ili kredas esti membroj de SAT. Estas tre grave regule informadi pri tio. Por la malnovaj membroj tio estas teda sed la novaj tion nepre bezonas. Do,li insistas, ke la LEA-oj nepre devus informi siajn novajn membrojn kio estas SAT kaj kia estas diferenco inter SAT kaj LEA-oj. Ekz. SATEB estas SAT en Britio. Do la novaj membroj aliĝis al SAT sed en Britio. Same multaj konfuzas SAT kaj SAT-Amikaron. Estus ankaŭ bone ke ĉiu SAT-membro venigu almenaŭ unu novan membron kaj jam la SAT-membraro duobliĝus.

K-do *Westermayer* atentigas, ke li longe ne volis aliĝi al SAT pro klasbatalo, ĉar li ne volas batali kun klasoj. Li simple volas havi pli bonan vivnivelon. Same pri la tutmondiĝo. La mondo tutmondiĝas kaj oni ne povas malhelpi ĝin. Sed kion oni devas fari estas trovi la ĝustajn leĝojn kaj kondiĉojn por ke unu homo ne ekspluatu multajn aliajn homojn. Oni devas trovi interesajn celojn por la junuloj, por havi vizion por la vivo. Ne batali kontraŭ

io sed por io.

K-dino *Franciska Toubale* konstatis en Aŭstralio ke multaj ne konis SAT aŭ havis malbonajn ideojn pri ĝi. Do ŝi trovis manieron por konatigi SAT (ne propagandi) farante raportojn en la gazeto.

K-do *Kessous* konsentas kun k-do Ballaguy. Li opinias ke oni devus propagandi pri SAT dum la UK.

K-do *Barkoviĉ* informas ke dum la UK jam de kelkaj jaroj okazas kunveno de SAT-anoj, kiu estas publika, malfermita al ĉiuj. Krome, en la libroservo de UEA troviĝas diversaj SAT-eldonaĵoj. Estus bone se dum la UK estus ankaŭ aparta budo kun materialo por informi pri SAT. UEA kaj SAT estas du paralelaj asocioj kun parte malsamaj celoj kaj oni povas esti sen problemo membro de ambaŭ asocioj.. En la julia Sennaciulo aperas tre interesa artikolo de k-do *Corsetti* kiu klarigas ke en la mondo estas loko por ni ĉiuj.

K-do *Ballaguy* faras konkretan agadproponon. La unua afero estas informado, ĉar ne multaj esperantistoj estas bone informitaj pri tiuj novaj aferoj. La plej bonaj informoj aperis en plurlingva broŝuro titolita "ATTAC kontraŭ la diktaturo de la merkatoj" kaj la unua afero estus komune traduki tiun broŝuron al esperanto. Necesas por tio dek-ĝis dekkvin personoj. Post la komuna traduko kaj korektado, oni eldonos ĝin kaj ankaŭ oni enretigos ĝin. Estas proponate afiŝi liston sur la anonctabulo kaj la interesatoj bonvolu enskribiĝi.

K-do *Bustin* konsentas kun tiu ideo, sed oni devas varbi al SAT en esperantio. Do, oni devas esperantigi la homojn por ke ili venu al SAT. Per tiu traduklaboro, kio estas certe tre interesa, ne estas videble kiel oni havis pli da membroj en SAT.

K-do *Ballaguy* respondas ke se SAT vere aktivos la varbotoj venos ĉar la agado de SAT interesas ilin. K-do *Kessous* respondas ke la instruado de Esperanto estas la laboro de LEA-oj kaj ne de SAT.

K-dino *Opulskiene* transiras al la punkto **"Landaj perantoj"**.

K-do *Bustin* ofte aŭdis ke la perantoj ne sufiĉe varbas membrojn al la Asocio. Li faras kion li povas. Sed fakte ĉiuj SAT-anoj devus esti perantoj de SAT. En Hispanio estas tre malfacile altiri la junulojn al niaj ideoj.

K-do *Heinze*, aŭstralia peranto, ankaŭ provas varbi kiel eble plej. Sed tie ne estas multaj esperantistoj kaj li konas ilin ĉiujn persone. Krome, la laboristoj en Aŭstralio ne interesiĝas pri Esperanto ĉar ili nur aŭdas la anglan kaj kredas ke ĝi estas internacia lingvo. Esperantistoj en Aŭstralio ne estas manlaboristoj, sed instruistoj aŭ simile. La manlaboristoj havas tiom da problemoj ke ili ne pensas pri Esperanto nek pri tio ke ili povus labori por laboristoj internacie. Krome, oni devas unue puŝi homojn lerni Esperanton kaj poste veni al SAT.



*Nia k-dino Ludmila Titova kantas akompanata de bonega pianisto, s-ro Piĉkovskij.*

*Fotis. R. Bouchet*

K-do *Quillaud*, franca peranto, klarigas sian taskon, kiu iom diferencas de la aliaj, ĉar la sidejo de SAT estas en la sama lando. La ĉefan varbadon faras franclingvia LEA, SAT-Amikaro. Li konstatas ke multaj el niaj membroj maljuniĝas kaj ne plu povas legi la gazeton. Li estas iom surprizita, ke SAT-Amikaro havas iom pli ol 700 membrojn kaj nur la duono el ili estas SAT-anoj. K-do *Quillaud* volus iom aŭdi pri la afero de kanada peranto, k-do *Kuhl*.

K-do *Barkoviĉ* klarigas ke k-do *Kuhl* jam de du jaroj ne plu estas landa peranto, ĉar li rezignis pro malkonsento kun la sinteno de SAT. Pri tio aperis multaj tekstoj en Sennaciulo kaj daŭre aperas. Krome, k-do *Barkoviĉ* reagas al la rimarko de k-do *Westermayer* rilate al la vorto klasbatalo kiu antaŭe ĝenis lin por aliĝi al SAT. Efektive tiu vorto estas malnova kaj troviĝas en nia Statuto. La situacio en Okcidentaj landoj estas tia, ke la laboristoj ne plu volas nomi sin laboristoj, kvankam, laŭ li, laboristo estas ĉiu persono kiu laborante perlaboras sian vivon. Do, ne estas honte diri ke oni estas laboristo. Mi mem estas laboristo, kaj verŝajne en la salono ĉiuj estas laboristoj aŭ emeritoj. Eĉ ne unu sola kapitalisto estas ĉi tie, kvankam ofte eĉ ili laboras - sed el tio havas grandegan profiton. Do, klasbatalo daŭre ekzistas eĉ se oni ne ŝatas la vorton. Estas tiom da senlaboruloj, laborserĉantoj, aŭ kiuj laboras kaj vivas en terure malbonaj kondiĉoj. Oni devas batali kontraŭ tio kaj tio estas klasbatalo. Nu, oni povas nomi ĝin alimaniere. Tio estas batalo por homaj rajtoj, ĉar estas homa rajto labori en bonaj kondiĉoj kaj dece vivi. Do vere ne estas kompreneble ke iuj homoj pro vortoj ne volas esti membroj de SAT. K-dino *Toubale* pravigas la klarigon sed opinias ke tamen ĉiu vorto havas historion kaj provokas bildon en la menso. La vorto laboristo prezentas bildojn el la komenco de la jarcento. La vorto progresema estas la vorto de estonto, ĝi estas pli malfermita kaj multe pli alloga.

K-do *Barkoviĉ* opinias ke ni ĉi tie estas tro eŭropecaj. SAT estas tutmonda. Oni devas pensi ankaŭ pri la aliaj. Kiam oni vidas la situacion de laboristaro en tiuj subevoluintaj landoj kaj kontinentoj (Afriko, Azio, Sudameriko), estas konstanta klas kaj viv-bataloj. K-do *Hardy* ne kontraŭas la vorton progresema, sed kion fakte ĝi signifas? Ĉu ĉiuj esperantistoj iamaniere ne estas progresemaj? Ĉu la membroj de UEA ne estas progresemaj? Do, fakte kion signifas tiu vorto? Dume, klasbatalo, kvankam malnova vorto, daŭre korespondas al iu realeco. Eble la aktuala klasbatalo ne plu estas tiu de la 19-a jarcento, ĉar ĝi estas multe pli ampleksa. Sed kiam oni konstatas ke daŭre la riĉuloj pli kaj pli riĉiĝas kaj malriĉuloj daŭre malriĉiĝas - tio indikas la ekziston de la klasbatalo.

K-do *Gudskov* opinias ke tiuj diskutoj daŭras en SAT jam delonge. La argumentoj kaj opinioj estas ĉiam la samaj. Oni ne povas nei la ekziston de ia formo de klasbatalo. Ajna striko estas formo de klasbatalo. Kolektiva kontrakto inter laboruloj kaj labordonantoj estas formo de klasbatalo. La vorto progresema estas ambigua. Ĉiuj deklaras sin progresemaj. Eĉ iu organizo de generaloj konsideras sin progresema.

**Kasa raporto**:

K-dino *Opulskiene* transiras al

kasa raporto. Pluraj ekzempleroj de la kasa raporto estis disdonitaj al kongresanoj. K-do *Barkoviĉ* enkondukas la temon kaj informas ke ĝi reprezentas la aktualan ŝituacion de SAT. Manko de membroj reflektas la mankon de mono en la kaso de SAT. Niaj elspezoj estas daŭre la samaj aŭ iom pli altaj pro la plialtiĝo de diversaj ŝarĝoj, dum la enspezoj estas nesufiĉaj. Feliĉe estas kelkaj membroj kiuj faras donacojn al SAT kaj danke al tio SAT daŭre funkcias. Tamen, ĉiujare ni havas deficiton en la kaso kaj tio ne povos longe daŭri. Nia kasistino kalkulis, ke por ekvilibrigi la kason, oni devus postuli de ĉiu pagipova membro cent eŭrojn. Evidente, tion ni ne povas fari ĉar la plej multaj membroj tion rifuzus. Do, oni nepre bezonas pliajn membrojn. Krome, oni devus vendi la SAT-librojn por rehavi elspezitan monon por eldonado. Bedaŭrinde, niaj libroj restas morta kapitalo.


*La trian laborkunsidon prezidis k-dino Franciska Toubale*
*Fotis: G. Opulskiene*

K-do *Theobald* opinias ke nevideblas la malbona situacio de la asocio, ĉar la deficito estas mapli granda ol pasintjare. Disponebla mono estas pli granda ĉijare ol lastjare. Do tio finfine bone aspektas. Nu, jen la kialo de la demando. SLEA heredis iun monon de sia forpasinta prezidanto kaj ili volus disponigi tiun monon al SAT, sed ne ĉiuj membroj tion akceptas. Do por konvinki ilin oni devas havi argumentojn kaj tiu financa raporto ne donas ilin.

K-do *Barkoviĉ* klarigas la situacion de la Asocioj en Francio. Vi bonvolu rekte demandi informojn al nia kasistino kaj ŝi respondos al vi pri ĉio.

K-dino *Popova* demandas kial la kasraporto estas farita en francaj frankoj kaj ne en eŭroj? Ŝi proponas ke la venonta estu en eŭroj. K-do *Barkoviĉ* respondas ke ĉiakaze post du jaroj ĉio estos en eŭroj kaj nun oni ankaŭ povas facile transformi frankojn en eŭrojn.

K-do *Theobald* petas klarigojn pri la deponoj kaj k-do *Barkoviĉ* respondas. Oni voĉdonas pri la kasraporto. Ĝi estas akceptita per: 31 jes, kontraŭ 0 kaj sindetenoj 0.

**Sennaciulo**

K-do *Gudskov* informas ke la lasta numero kiun li ricevis estis aprila numero sed ricevita dufoje. Li petas klarigon.

K-do *Barkoviĉ* tuj klarigas pri la eraro kiu okazis en la ekspedo de la maja numero, dum kiu estis erare senditaj aprilaj ekzempleroj. Neniu konsciis pri tio ĝis la alvenoj de pluraj plendoj. Sed dum la ekspedo de la junia oni sendis al ĉiuj kiuj plendis, ankaŭ la majan numeron. Bedaŭrinde, la poŝto en Francio lastatempe tre malbone funkcias, kaj la gazeto malfrue atingas la celon.

K-do *Dan Levitan* plendas ke en la gazeto estas nur teksto sen ia ajn ilustro kaj tio estas tro ŝargita kaj griza. Oni devus pli ilustri la tekstojn.

K-do *Westermayer* opinias ke se estas problemo de la ekspedo dum feria periodo, oni faru duoblan numeron.

K-do *Yamasaki* reagas al la plendo ke la franca poŝto malbone funkcias kaj li indikas ke UEA uzas la servon de kapitalistaj ekspedagentejoj kiuj estas pli fidindaj kaj malpli kostaj.

K-dino *Popova* dankas pro la aperigo de unu el ŝiaj artikoloj. Ŝi plendas ke la artikoloj estas tro longaj kaj ke la redaktoro devus mallongigi ilin.

K-do *Barkoviĉ* klarigas ke Sennaciulo estas registrita ĉe la franca poŝto kaj por havi malplikostan afrankon oni devas uzi la servon de la franca poŝto. Sed parto de la malbona funkciado de la poŝto estas la transiro al la 35-hora laborsemajno. La poŝtistoj malpli laboras kaj la gazetoj longe vojaĝas. Por ricevi Sennaciulon de la apuda poŝtoficejo ĝis la SAT-ejo necesas unu semajno. K-do *Barkoviĉ* ankaŭ klarigas ke post la teoria renormaligo de poŝtaj rilatoj inter Serbio kaj Francio, ekde januaro 2000, ni ekspedis Sennaciulon al niaj membroj en tiu lando. Ses monatojn poste, do en junio, ĉiuj tiuj gazetoj revenis en granda sako en la SAT-ejon. Pri la enpaĝigo - k-do *Barkoviĉ* klarigas, ke li ilustras la tekstojn kiam li ricevas ilustraĵojn aŭ li mem trovas iun taŭgan ilustraĵon. Pri la mallongigo de la tekstoj, la redaktoro ne volas tion fari ĉar poste la aŭtoroj protestas kaj grumblas. Do li aperigas tiajn kiaj ili alvenas, post la korekto de evidentaj eraroj kaj redaktado. La venonta numero estos duobla, do aŭgust-septembra. Pro la rimarkoj, ke Sennaciulo ne estas interesa, k-do *Kessous* proponas ke oni traduku tekstojn el la franclingva folio nomata "Universalismo" kaj aperigu en Sennaciulo. Necesus trovi personon kiu estas preta traduki. K-do *Kessous* proponas ke en la triagradaj kursoj oni taskigu la lernantojn kaj profesorojn traduki tekstojn.

K-do *Quillaud* estas surprizata ke nia redaktoro plendas pri la manko de artikoloj, dum en ekzemple "Laŭte" aperas artikoloj pri SAT-aferoj. Kial niaj kamaradoj sendas siajn artikolojn al tiu amika simpatia revuo kaj ne rekte al la oficiala organo de SAT? Rilate al la duoblaj numeroj, k-do *Quillaud* diras ke estus tro granda interspaco inter la artikoloj kaj postaj reagoj al tiuj artikoloj, se estus nur 5 numeroj jare.

K-do *Hardy* opinias ke tiuj kiuj opinias ke la enhavo de Sennaciulo ne estas interesa, bonvolu sendi interesajn artikolojn, ĉar la enhavo de Sennaciulo entenas tion, kion sendas la membroj de SAT.

Per tio finiĝis la dua laborkunsido.

Posttagmeze okazis pluraj prelegoj kaj renkontiĝoj. Ni renkontiĝis kun la gvidantoj de maldekstrulaj movadoj: *Novaj maldekstruloj* kaj de *Moskvaj anarkiistoj*. Okazis prelegoj pri Kunekzistado de diversaj etnoj en Dagestano, Pri Aŭstraliaj aborigenoj, Pri Movado de verduloj-esperantistoj kaj pri Sovetia E-movado en 70-80aj jaroj. Vespere ni ĝuis Prelegokoncerton "Vivo de aktoro-esperantisto Nikolaj Rytjkov".

**TRIA LABORKUNSIDO**

Prezidas **k-dino *Franciska* TOUBALE.**

**Sennacieca Revuo**

K-do *Barkoviĉ* enkondukas la temon. Li anoncas ke ĉi-jare ankoraŭ devus aperi la numero de la jaro 2000 kiun redaktos k-do *Michael Scherm*. Li invitas la ĉeestantojn esprimiĝi pri la lasta numero de la jaro 1999. Alvenis al la sidejo laŭdoj kaj kritikoj.

K-do *Kessous* proponas ke oni

aperigu tiujn laŭdojn kaj kritikojn en la venonta numero de S.R. K-do *Barkoviĉ* opinias ke ne estas loko por tiaj tekstoj en tiu prestiĝa revuo, sed tiuj tekstoj povus eventuale aperi en Sennaciulo.

K-do *Quillaud* opinias ke nia SR estas tre bela aspekte kaj li uzas ĝin por diversaj ekspoziciaj celoj.

K-do *Bustin* trovas ankaŭ ĉi-jaran numeron tre interesa sed li malŝatis la artikolon pri Korsikano kiu mortigas filon ĉar li kunlaboris kun policistoj aŭ armeanoj. K-do *Barkoviĉ* klarigas ke S.R. estas kultura revuo en kiu aperas diversspecaj artilokoj, ĉu politikaj, socialaj ĝis literaturaj. Do, ĉi tie temas pri literaturaĵo kiun oni povas ŝati aŭ malŝati sed oni ne povas ŝanĝi ion ajn.

K-do *Theobald* rimarkigas ke la frontpaĝa mapo estas anglalingva kaj kial ne en Esperanto. K-do *Barkoviĉ* klarigas ke eĉ la Plenum-Komitato diskutis pri tio. Do, ni ne trovis bonan aktualan mapon de Eŭropo en Esperanto, kaj tiuj kiuj ekzistas jam ne plu estas aktualaj, ĉar la mondo intertempe ŝanĝiĝis. Estas normale ke esperantistoj preferus mapon en Esperanto, sed tio ne eblis kaj mankis tempo por esperantigi ĉiujn nomojn sur la mapo. Cetere, la angla ne devus ĝeni nin ĉar ĝi estas same respektinda kiel iu ajn alia lingvo. Se mi povus peti al iu el vi fari tion kaj sendi al mi jam pretan esperantigitan mapon, tio estus bone. Ĉu iu en la salono pretus fari tion? Nenia respondo.

**Eldonoj kaj librovendado**

K-do *Barkoviĉ* denove enkondukas la temon ĉar neniu deziras interveni. Li indikas ke pro manko de mono SAT ne plu povas eldoni librojn (la jam eldonitaj ne vendiĝas), kaj la sola projekto estas la nova PIV. Ĝi espereble aperos dum la jaro 2001. K-do *Barkoviĉ* prezentas ĉiujn fazojn de tiu laboro kiuj estas faritaj kaj farotaj. Li proponas ke oni eĉ diskutu pri la prezo de tiu verko, kvankam ankoraŭ oni ne havas ĉiujn elementojn. Ĉu ni lanĉu antaŭpagon kiu estus malpli kosta ol kiam la verko aperos. La PK provis proksimume kalkuli laŭ la prezofertoj kiujn ĝis nun oni havis kaj oni venis al konkludo ke eventuale oni povus lanĉi la antaŭpagon kontraŭ 60 eŭroj por ĉiu individua antaŭpago. Por la libroservoj kiuj volus kvante antaŭmendi la prezo estus 50 eŭroj kaj kiam ĝi aperos la prezo estus 70 eŭroj (tiuj prezoj povos esti eventuale ŝanĝitaj laŭ la tiamaj cirkonstancoj). Pri la definitiva prezo estas nenio certa. Pri la eldonkvanto ankaŭ ne estas certa, ĉar tio dependos de la demando kaj de la havebla mono. Pri tio la PK decidos kun helpo de Ĝeneralaj Konsilantoj kiuj estas tre fervoraj kaj nur atendas helpi kaj konsili la P.K.-on. Nun la demando estas ĉu oni lanĉu tuj post la kongreso tiun antaŭmendon?

K-do *Hollinger* subtenas tion kaj pretas antaŭpagi por du libroj. La kongreso akceptas ke oni lanĉu la antaŭmendon.

K-dino *Toubale* rimarkigas ke oni devus paroli ankaŭ pri la aliaj eldonaĵoj de SAT. K-do *Theobald* opinias ke "Vualo de l'silento" ne estas tiel valora kiel oni skribis en Sennaciulo, ĉar estas multe da kvereloj inter la familianoj, ktp. Tio ne estas agrabla legaĵo.

K-dino *De Weerd* respondas ke oni ne legas nur librojn por havi agrablan legaĵon. Ĉu romanoj de Dostojevski estas agrabla legaĵo, aŭ tiuj de Tolstoj?

K-do *Hardy* parolas pri la libroj kiuj ne vendiĝas. Eble la kialo estas ke ni ne havas komercan spiriton kaj ke kapablas bone reklami niajn librojn. Oni devus periode aldoni al Sennaciulo libroliston sur aparta folio.

K-do *Bustin* revenas al "Vualo de l'silento" kiu eble ne estas agrabla legaĵo, sed ĝi reflektas la vivon de tiuj homoj en Francio. En tiu komunumo okazas tiaj aferoj kaj tio estas la realeco, eĉ se ĝi ne estas agrabla por ni. Pri la vendado de libroj, eble ni ĉiuj devus aĉeti librojn kvankam ni jam aĉetis antaŭe, kaj donaci ilin al amikoj. Tiel ni povos malplenigi la bretojn kaj la asocio havos tiun monon.

K-dino *De Weerd* opinias ke oni ne tro plenigu Sennaciulon per listo de libroj. Tiuj listoj aperas de tempo al tempo kaj tiu kiu vere volas aĉeti librojn facile povas trovi ilin.

K-do *Hollinger* opinias ke dum la kongreso de SAT devus esti vendataj ĉefe SAT-eldonaĵoj.

K-dino *Mazij* demandas ĉu sur la bretoj de SAT troviĝas SAT-Himno? K-do *Barkoviĉ* klarigas ke SAT tute ne estas himnema. Tamen, himno estas ankaŭ kanto, kaj oni povas kanti ĝin en la aŭtobuso, dum la ekskurso. Siatempe efektive iu membro havis ideon krei SAT-himnon kaj ĝi troviĝis en la iama SAT-kantaro. Do, tio ekzistas, sed ĝi ne estas oficiala himno de SAT, do ne estas io kion ni devus religie kanti okaze de SAT-solenaĵoj. Ankaŭ La Espero estas por ni bela kanto, sed ne sankta nek nepre deviga. Se oni havas deziron kanti ĝin, kial ne?, sed tio ne estas parto de oficiala regula programo. Kompreneble ke kontraŭ la kantoj kaj kantado neniu havas ion ajn. Eĉ male, la kantado mankas en la SAT-kongresoj kaj kantemuloj puŝu la aliajn al la kantado kiu estas ĉiam agrabla. Pri la aldonota folio kun la librolisto, tio estas pli kosta kaj ne efika.

K-do *Hardy* opinias ke tiam oni devus rezervi tutan paĝon por la libroj por ke tio estu bone videbla kaj altiru atenton de la legantoj, kiuj ofte eĉ ne legas Sennaciulon.



*Konata rusa bardo M. Bronŝtejn kantas al ni ofte tre engaĝitajn kantojn.*
*Fotis. R. Bouchet*

K-dino *De Weerd* atentigas ke la librolisto aperas regule en ĉiu SAT-Adresaro, do tiu kiu volas aĉeti librojn povas facile trovi la liston. Pri la kantoj: ekzistas tre multaj kantaroj kaj oni povas trovi ankau la vortojn de la SAT-himno.

K-do *Hollinger* proponas ke en Sennaciulo aperu ĉiumonate malgranda anonco: «En tiu ĉi monato ni proponas al vi aĉeti jenajn librojn kaj aperigi du aŭ tri titolojn».

K-do *Quillaud* demandas kiom da aktualaj PIV restas en la SAT-ejo. K-do *Barkoviĉ* respondas ke ĉirkaŭ 200 ekz. Evidente, post la apero de la nova PIV oni malaltigos la prezon de restantaj ekzempleroj kaj provos vendi ilin al tiuj kiuj ĝis nun ne povis aĉeti ĝin pro la kosto.

K-do *Westermayer* demandas ĉu la rusoj ne povus interkonsenti kun SAT

kaj aĉeti malmultekoste la aktualan PIV. K-do *Barkoviĉ* respondas ke bedaŭrinde la aktuala PIV estas la plej aktuala eldono



*Urbestro de la venontjara kongresurbo Nagykanizsa, s-ro Istvan Tüttö, invitas nin al Hungario.*

*Fotis. R. Bouchet*

kaj oni devas havi tiun stokon ĝis la apero de la nova. Nur tiam oni povos trakti tion.

**SAT kaj la reto**

K-do *Barkoviĉ* demandas kiu el la partoprenantoj jam konsultis la TTT-paĝojn de SAT. Pli ol duono en la salono levas la manon. K-do *Barkoviĉ* informas ke SAT nun havas novajn paĝojn kiujn prizorgis juna germana kamarado kaj kiu de nun estos respondeca kaj prizorgos niajn paĝojn. Temas pri k-do *S. Hartwig*. Krome, ili aperas per unikodo kaj la esperantaj literoj jam bone aperas per la novaj modernaj legiloj.

K-do *André Rigault* proponas ke la tekstoj en la reto estu mallongaj.

K-do *Ballaguy* demandas ĉu SAT estas ligita kun neesperantistaj movadoj? Ĉu ni ne povus malfermi ligojn kun la progresemaj neesperantistaj asocioj kaj sindikatoj. K-do *Barkoviĉ* respondas ke tion devus fari LEAoj kiuj uzas naciajn lingvojn kaj tiel povus havi ligojn kun nacilingvaj organizoj.

K-do *Ballaguy* demandas ĉu eblus havi la retadresaron de SAT-anaro. K-do *Barkoviĉ* vokas ĉiujn, kiuj posedas retadreson, sendi ĝin al la SAT-sidejo. Poste li povus aperigi retadresaron de SAT-anoj en Sennaciulo.

K-do *Kessous* sugestas ke la retadresoj aperu en la adresaro kaj ne en Sennaciulo, kaj due ke oni lanĉu retforumon rezervitan por SAT-anoj. K-do *Barkoviĉ* respondas ke la konataj retadresoj jam aperas en la lasta SAT-Adresaro. Pri la forumo, li demandas ĉu iu estas preta ĝin lanĉi kaj gvidi. Por tio la zorganto povas esti ie ajn en la mondo.

K-do *Bustin* proponas ke oni faru alvokon en Sennaciulo pri tiu temo. K-do *Barkoviĉ* estas preta fari alvokon, sed bedaŭrinde ĝis nun al multaj alvokoj en Sennaciulo estis neniaj reagoj. Do, li invitas la gekamaradojn akcepti la taskojn kaj ne atendi ke iu alia faru. La ideo estas bona, sed iu devas efektivigi ĝin. Ni uzu tiun novan modernan rimedon de komunikado.

K-do *Masson* proponis antaŭ la komenciĝo de la kongreso ke pro malgranda nombro da aliĝintoj, oni provu partopreni la kongreson per la reto kaj sendu sian kontribuaĵon. Bedaŭrinde estis malfrue. Krome, ne estus bone ke niaj kongresoj trans-formiĝu al virtualaj retaj kongresoj.

**Filatela servo**

La kongreso dankas al k-do *Modesto Ramelli* pro lia laboro kaj invitas ĉiujn daŭre sendi poŝtmarkojn al li.

**Broŝurservo de SAT**

K-do *Theobald* demandas kia estas diferenco inter broŝuroj kaj libroj kaj ĉu oni ne povas ĉiujn mendi ĉe SAT. K-do *Barkoviĉ* klarigas ke en SAT-ejo mankas loko kaj pro tio oni havas ĉefe SAT-eldonaĵojn kaj kelkajn ekzemplerojn de ĉiu titolo de Broŝuroj. La ĉefa stoko troviĝas ĉe k-do *Baudé* kiu respondecas pri la broŝurservo. La adreso troviĝas en la SAT-Adresaro kaj oni povas rekte mendi per simpla poŝtkarto. K-do *Bustin* konstatas ke la broŝurservo bone funkcias ĉar k-do *Baudé* neniam plendas pri la malbona vendo de tiuj broŝuroj.

**Parentezo**

K-do *Barkoviĉ* petas kelkajn minutojn por fari parentezon. Li pardonpetas ke ĝis nun li nenion diris pri nia k-do *Ivo Peyraut* kiu bedaŭrinde ne povis veni al Moskvo pro sia sanstato, sed sendis siajn salutojn. Li timis ke en Moskvo estos tro varme kaj li suferas de la varmeco. Espereble venontjare li povos veni al Hungario, kvankam ankaŭ en tiu lando dum somero estas tre varme. En tiu situacio kie pro manko de k-do Ivo, Barkoviĉ devas pri ĉio zorgi, li forgesis transdoni tiujn salutojn kaj informojn. Do, li petas pardonon al la kongresanoj kaj al k-do *Peyraut*.

K-do *Gudskov* informas ke ankaŭ hodiaŭ alvenis saluto de k-do *Petro Chrdle*.

K-do *Bustin* esprimas grandan bedaŭron ke la PK ne estas ĉi tie same nombre reprezentata kiel en antaŭaj kongresoj. K-do *Peyraut* ne venis pro timo de varmeco, eble ne venos al Hungario pro la sama kialo kaj certe ne venos al Hispanio (Alicante) ĉar ankaŭ estas tre varme. Tio estas granda bedaŭro por la asocio.

**La Amikeca Reto**

K-do *Barkoviĉ* substrekas, ke k-do *Rollin*, respondeculo de la reto, ne nur zorgas pri ĝi, sed li ankaŭ transprenis la redaktadon de la rubriko en Sennaciulo *"Taga vivo"*, kiun li bonege prizorgas kaj ni danku al li pro ĉio tio. (Aplaŭdo). Samtempe, li uzas la okazon por inviti aliajn proponi sin redakti iun alian rubrikon en Sennaciulo.

**La Junulfako**

K-dino *De Weerd* demandas ĉu estas vere ke oni estas junulfakano ĝis 35-a jaro kaj ke oni ricevas aŭtomate "La Juna Penso"-n. La respondo estas jesa..

K-do *Barkoviĉ* informas ke la nombro de gejunuloj en SAT estas tre malgranda. La skipo kiu faras "La Junan Penson" estas tre malgranda. Ili faras kion ili povas. Kiel varbi la junulojn? Junulfako havas apartan poŝtan konton kaj disponas pri sia mono por sia agado. Momente estas eta krizo, ĉar la kasistino forlasis SAT. K-do *Antonio Cano Gomez* transprenis tiun taskon, sed nun li revenas al Hispanio kaj oni devos trovi novan kasiston, ĉar la poŝta konto estas en Francio, aŭ oni devus malfermi alian konton en alia lando. Tiuj junuloj bezonas subtenon kaj helpon.

**SAT-frakcioj**

K-do *Bustin* informas pri la kunveno de la Liberecana frakcio kiu ĵus okazis dum la kongreso. Aperos pri tio aparta raporto.

K-do *Ballaguy* respondecas pri frakcio pri "Distribua ekonomio". Li demandas sin kial la homoj ne interesiĝas pri tiu frakcio. Ĉu vere ni estas progrese-

muloj? Kiu el la kongresanoj konas Distribuan ekonomion? Ĉu vi nenion volas scii pri alia ekonomia sistemo ol liberalismo?

K-do *Gudskov* informas ke kunvenis nur du membroj de sennaciista frakcio, k-do Kessous kaj Yamasaki, ĉar k-do Gudskov estis okupita. La frakcio principe ekzistas, estas kelkaj homoj. En la lastaj numeroj de Sennaciulo denove estis polemikoj pri tiu temo.



*Jen la membroj de la Moskva O.K.K. kiuj bonege organizis tiun nian kongreson.*

*Fotis. R. Bouchet*

**Kongresoj**

K-do *Barkoviĉ* informas ke ni devus principe kongresi venontjare en ne granda hungara urbo Nagykanizsa, kiu troviĝas en suda parto de Hungario ĉe la landlimo kun Kroatio. La preparoj jam komenciĝis kaj estas tie granda entuziasmo. la pruvo de tiu entuziasmo estas ke hodiaŭ devus alveni la urbestro de tiu urbo kun la prezidanto de la OKK por oficiale inviti vin al la venontjara kongreso. Morgaŭ ili faros tiun inviton.
Post tiu kongreso okazos denove kongreso en la Okcidento - en Hispanio. Do, ni esperas ke la kongresoj denove estos pli grandaj. Nepre venu al niaj kongresoj ĉar ili estas unu el la plej grandaj instancoj de SAT. Nur la referendumo estas super ĝi.

K-do *Stuppnug*, kiu jam persone vizitis nian venontjaran kongresurbon diras kelkajn vortojn pri ĝi. Estas bone ke la kongresanoj havos senpagan urban transporton, ĉar la fervoja stacidomo troviĝas ĉirkaŭ 2 km for de la urbocentro. Ĉiun duonohoron iras la aŭtobuso de la stacidomo al la centro. Survoje li vidis ĉarmajn biertrinkejojn kaj parkojn, kaj li konstatis ke estas du urbocentroj, nova kaj malnova. La kongreso certe estos en tre bona etoso, ĉar ĉio estos en la centro facile atingebla piede. La homoj tie estas tre agrablaj kaj gastemaj. Somere en Hungario estas principe tre varme. Nepre aliĝu kaj venu al tiu SAT-kongreso.

Voĉdono pri la raporto de la P.K. Ĝi estas aprobita per 42 voĉoj por, neniu kontraŭ kaj unu sindeteno.

K-do *Bustin* deziras ke la kongreso en Moskvo akceptu la kongreson en Alicante. Akceptita per 38 voĉoj por, neniu kontraŭ kaj unu sindeteno.

K-dino *Toubale*, prezidantino, finas la trian laborkunsidon.

Sekvis la prelego pri la "Teorio de feliĉo kaj ĝia praktika apliko"

Post la tagmanĝo okazis vizito al la aŭtomobilfabriko Lihaĉov kaj renkontiĝo kun tieaj sindikatestroj.

Vespere ni havis tre belan koncerton de rusaj romancoj kaj aliaj kanzonoj. Kantis por ni nia kamaradino Ludmila Titova el St. Peterburgo, piane akompanata de bonega pianisto s-ro Piĉkovskij.

**KVARA LABORKUNSIDO**
Prezidas
k-do ***Marteno Bustin.***
La temo estas traktado de la rezultoj de la opinienketo.

**Eksteraj rilatoj**.

Kelkaj el tiuj proponoj jam estas faritaj aŭ farataj, kiel ekz. kunlaboro kun UEA aŭ kun ERA.

K-do *Natinj* opinias ke estas tre bona propono kontakti kun neesperantistaj maldekstraj organizoj. Tio jam okazas dum tiu ĉi kongreso kaj li esperas ke same estos en la estontaj. Li invitas tiujn, kiuj interesiĝas, partopreni je la 14-a horo kunvenon kun la reprezentanto de la Centra Komitato de la Rusa Komunista Partio.

K-do *Westermayer* pretas fari kontakton kun la verdaj partioj por montri ke ne ekzistas nur burĝaj esperantistoj sed ankaŭ progresemaj kiel SAT.

**Perspektivoj**

K-do *Ballaguy* opinias ke la paroladoj ne estas efikaj sed la agadoj. Do, se ni komune agadas ni estos allogaj.

K-dino *Toubale* konstatas ke kelkaj el la proponoj jam komenciĝis efektiviĝi kiel ekz. la unuamaja manifestacio. Pri la naturprotektado ĉiu devas fari surloke kaj SAT povas nur informi.

K-do *Ballaguy* opinias ke la unua agado estas informadi internacie ĉar la homoj ne estas informitaj. K-do *Barkoviĉ* konsentas sed demandas kiamaniere efike informadi.

K-do *Westermayer* prezentas la rezolucion de la ekologia frakcio. Surloke oni povas agadi ene de nerigistaraj asocioj kaj en Sennaciulo oni povas informi pri tiu agado.

K-do *Hardy* diras ke la partopreno en grandaj manifestacioj estas tamen efika kvankam ni ne estas tre nombraj. Oni devas uzi grandajn banderolojn videblajn de ĉiuj.

K-dino *Titova* opinias ke oni devas uzi Esperanton por praktikaj utiloj inter diversaj entreprenoj, kiam ni revenas hejmen.

K-do *Ballaguy* insistas ke ni ne estas unue esperantistoj sed nur due. Unue ni devas kontraŭbatali niajn verajn malamikojn. Kaj kiuj estas tiuj malamikoj: estas la Monda Banko kaj Monda Fonduso Internacia. Ili volas regi ĉion kaj transformi ĉiun homan agadon en vendeblaĵon. Tio momente devas esti ĉefa agado. Oni devas tion kontraŭbatali kaj uzi Esperanton.

K-dino *Skladnova* demandas ĉu en salono estas iu aŭtoro de la proponoj el la enketo. Ili devas plenumi siajn proponojn kaj gvidi la aliajn. Krome oni devas havi projektojn por fari ion konkretan kaj tiam ne mankus kunlaborantoj. Ja kutime multas vortoj sed mankas agoj. Fakte gravas nur agado. K-do *Barkoviĉ* opinias ke SAT povas agi sur tutmonda tereno, sed estas malfacile fari projekton sur tutmonda tereno. Sed, francaj aŭ rusaj SAT-anoj povas fari konkretajn projektojn por la agado en Francio aŭ Rusio. Tiuj projektoj evidente povas aperi en Sennaciulo kaj inviti aliajn al agado. Tiel oni povas diri ke SAT agas - eĉ se estas surloke, ĉar SAT estas SAT-anoj. Oni povus inviti SAT-anojn al manifestacio en Prago, sed ĉu tio estos efika?

K-do *Ballaguy* ne konsentas, ĉar li spertis ke nur 400 homoj kiuj kontraŭis iun fiprojekton, sukcesis ŝanceligi la registaron kaj malsukcesigi tiun projekton. Same estis en Seattle. La konkreta agado de SAT povus esti komence la komuna traduko esperanten de la broŝuro de la movado ATTAC. Necesus dudeko da personoj. Tiuj, kiuj pretas tion fari bonvolu

enskribi sian nomon sur la listo afiŝita sur anonctabulo.

K-do *Bustin* opinias ke en tiu nia enketo estas sufiĉe da ideoj kiujn oni povus efektivigi, se la kongreso tion akceptas.

K-do *Gudskov* dubas pri grandaj projektoj kiujn ni faros. Fakte kio estas SAT? Ĝi devas pere de Esperanto ebligi la kontaktojn inter la samcelaj sed diverslingvaj movadoj aŭ grupoj. Pro tio la kongreso invitis reprezentantojn de diversaj maldekstraj movadoj por ke ili prezentu sin kaj trovu kontaktojn pere de kongresanoj kun la samcelaj movadoj en aliaj landoj. Tio estas tute konkreta laboro.

K-do *Ballaguy* petas voĉdonon pri sia propono.

K-do *Kessous* opinias ke la propono ke SAT devu kunlabori kun aliaj progresemaj movadoj eniru la gvidrezolucion.

K-do *Stuppnig* atentigas ke SAT estas laborista asocio kaj ni devus kontraŭstari la globalismon de la kapitalismo. Se ni aktivas en multaj diversaj movadoj tiam ni estos ĉie disigitaj kaj niaj fortoj tiel ne estas grandaj. SAT devus havi apartan gvidlinion kiun ni povus prezenti al la sindikatoj kaj aliaj movadoj por ke ili sciu ke ni havas rimedon ankaŭ transiri la limojn danke al Esperanto. Tiel nia asocio estos ĉiam utila. Okazas voĉdono pri la subteno de la propono de k-do *Ballaguy*. La kongreso aprobas kaj subtenas ĝin per plimulto de voĉoj.

**Sennaciulo - proponoj de la enketo**:

K-do *Barkoviĉ* reagas al tiuj proponoj kiel redaktoro. Propono: **a)** pliriĉigi la enhavon, laŭ li, ne havas sencon. La enhavo estas tia kian la aŭtoroj faras. Oni aperigas tion kio estas ricevita de kunlaborantoj. Propono: **b)** aperigi informojn pri interna vivo. Tiu propono ne estas klara. Oni ne povas aperigi informojn pri la vivo de grupoj kaj kluboj. Tiuj informoj havas lokon en poresperantaj gazetoj sed ne en Sennaciulo. Propono: **c)** eviti la agresemajn kaj insultajn tekstojn. Certe tio estas bona, sed pri tio ĉefe devus pensi la verkantoj. Propono **ĉ)** aperigi tekstojn de Lanti, - kdo Barkoviĉ kontraŭas. Li opinias ke, kvankam tiuj tekstoj estas tre interesaj, ili aperis en la libroj kiuj estas aĉeteblaj aŭ prunteblaj en bibliotekoj, kaj krome pluraj aperas en la reto. Propono **d)** - kolekti informojn pri la progresemaj bataloj tra la mondo kaj ilin disvastigi inter la progresemaj medioj - iuj gekamaradoj devas sekvi la okazintaĵojn en la mondo. Jes, estus bone ke iuj gekamaradoj zorgu pri tio kaj sendu al la redakcio. Sed ankaŭ tiuj informoj ne devas esti tro lokaj, sed interesaj por iu ajn en la mondo. Se oni kreas rubrikojn, estus bone havi respondeculon de la rubriko kiu kolektados la materialon kaj poste sendos al la redakcio de S-ulo. Li invitas gekongresanojn anonci sin por tiuj taskoj - kio estas plia maniero de agado. Propono **e)** krei laŭtemajn numerojn. K-do Barkoviĉ kontraŭas. Povus okazi ke foje iu evento meritu unu apartan numeron, sed aliel multaj ne legus tiajn numerojn ĉefe se estas temo kiu ne interesas ilin. La gazeto devas esti diverstema, tiel ke ĉiu trovu ion interesan en ĝi. Propono **f)**: klarigi la vortojn neŭtrala-neneŭtrala, poresperanta-peresperanta, sennacieca-sennaciista jam milfoje estis klarigitaj kaj cetere la vortoj mem diras la signifon. Tio estas propra opinio de k-do *Barkoviĉ* kiu invitas la aliajn diri la siajn. Iu kamaradino demandas kial kelkaj artikoloj aperas sub pseŭdonomo? K-do *Barkoviĉ* klarigas ke tio estas laŭ la deziro de la aŭtoro, kiu kelkfoje timas havi problemojn kaj tiel protektas sin. La redakcio konas la veran nomon de la aŭtoro.

K-dino *Rigault* demandas ĉu vere SAT ne estas poresperanta. K-do *Barkoviĉ* klarigas ke ne, ĉar aliel ni estus dua UEA kaj tiam ĝi devus malaperi. Estante peresperanta, ĝi estas paralela al UEA kaj tute ne konkurenca. Do oni povas kunlabori. En Sennaciulo ne aperas informoj kaj propagandaj artikoloj pri Esperanto ĉar al ĉiu SAT-ano jam estas klare kio estas Esperanto. Ni uzas ĝin kaj ĝi estas nia laborilo. La asocio ne estas poresperanta sed individuaj membroj de SAT estas ankaŭ poresperantaj kaj agas kadre de poresperantaj asocioj. Niaj LEA-oj estas poresperantaj asocioj. En esceptaj kazoj SAT agas por esperanto eldonante PIV aŭ PV. Dum la renkontiĝo kun sindikatanoj ni venis kiel laborista asocio kiu havas rimedon por kontakti diversajn sindikatojn kaj laboristajn movadojn en la mondo. Ni ne venis por propagandi al ili Esperanton. Sed ili estis tre surprizitaj vidante kiel la homoj el diversaj landoj kaj lingvoj senprobleme komunikas pri laboristaj kaj sindikataj temoj. K-dino *Opulskiene* bone klarigis al ili tion ruslingve.

K-do *Gudskov* opinias ke la labortendaroj estus tre bonaj por SAT se ili estus iniciatitaj de ekzemple SAT-junulfako. Certe tio povus esti tre efika varbmaniero.

K-do *Westermayer* opinias ke SAT ne devas esti nur peresperanta sed ankaŭ poresperanta, ĉar alie ne estos novaj membroj.

K-do *Ballaguy* substrekas ke Esperanto en si mem estas revolucia afero. K-do *Barkoviĉ* reagas dirante ke Esperanto estas la lingvo de SAT, sed propagandi ĝin kaj krei esperantistojn estas la rolo de LEA-oj, fratorganizoj ligataj al SAT per la Gotenburga konvencio. K-dino *Rigault* klarigas ke SAT estas politika afero kaj la lernantoj ne volas eniri en politikan asocion.

K-do *Barkoviĉ* respondas ke tiuj, kiuj nur volas paroli pli la pluvo kaj bela vetero fakte ne havas lokon en SAT. En SAT havas lokon nur personoj kiuj ne estas "neŭtralaj", kiuj interesiĝas pri la aktuala mondo kaj socialaj problemoj kaj ne timas paroli pri tio.

K-do *Heinze* diras ke en Aŭstralio okazas kelkaj interesaj aferoj pri kiuj li devus verki kaj nun li havas konsciencriproĉon. Li per kelkaj vortoj priskribas la diversajn problemojn, kiel ekz. la problemon de salo ktp. Li bezonas tempon por verki pri tio kaj li provos trovi tempon.

**Diversaĵoj**

K-do *Gudskov* parolas pri la naciismo en Rusio kaj ĉefe en Moskvo. La polico kontrolas ofte ĉiujn homojn kiuj ne havas rusan aspekton, kiel Kaŭkazanoj kaj similaj homoj. Oni eĉ povas paroli pri rasismo.

K-do *Levitan* demandas, ĉu iu en la kongreso scias pri la homoj apud nia hotelo, kiuj ne aspektas ruse, eĉ dormas en la parkoj kaj ion faras per kamionoj.

K-dino *Skladnova* klarigas ke apud la hotelo kie loĝas kongresanoj estas aliaj hoteloj en kiuj loĝas rifuĝintoj el Afganio. Fakte ŝi erare eniris kaj kun surprizo konstatis ke tie estas malgrandaj vendejoj, multaj homoj tie manĝas, dormas kaj kuras ĉie. Do, ŝi demandis pri kio temas. La respondo estis ke temas pri Afganoj kiuj venis en Rusion dum la unua Afganistana milito kiu finiĝis en 1989. Tiam ili deziris vivi en Rusio kaj havi la samajn rajtojn kiel rusoj, sed jam de 11 jaroj la rusa ŝtato ne donas al ili la staton de rifuĝintoj. Nun parto de ili foriris al Kanado kiu akceptis ilin. Do, ĉar ili havas nenian ŝtatan helpon, ili devas labori iamaniere kontraŭleĝe por povi vivi. Ili komercas inter si kaj tiel gajnas. Kompre-

neble ili havas nenian socialan sekurecon. Tio estas aparta situacio en Moskvo kiu estas "ŝtato en la ŝtato".

K-do *Bustin* informas ke Hispanio estas la plej granda pordo al Eŭropo por Afrikanoj. Multaj el ili pereas jam survoje al Hispanio pro troŝarĝitaj ŝipoj. Tiuj, kiuj alvenas estas kontrolataj de mafio, kiu multe pagigas al ili. Tiuj, kiuj ne pagas, estas kaptataj de la polico kiu resendas ilin al iliaj originaj landoj. Tiuj, kiuj sukcesas, estas ekspluatataj kaj la ŝtato iom fermas la okulojn. Tio ankaŭ provokas la rasismon ĉe hispanoj.

K-do *Theobald* demandas pri la nukleaj rubaĵoj en la nordaj partoj de Rusio, pri kio oni multe skribas en Svedio, ĉar estas proksime.

K-do *Westermayer* ne estas ruso, sed li vizitis la edzinon de Grigorij Tasko, kiu laboris en milita regiono kie estas nukleaj submaraj ŝipoj. Oni publikigis tion en norvegaj gazetoj kaj pro tio li estis arestita. Nun li rajtas esti en sia posteno sed ne labori.

K-do *Gudskov* informas ke kapiteno Nikitin, pri kiu jam SAT okupiĝis, estas nun plene absolvita.

K-do *Westermayer* parolas pri nuklea rubaĵo kiun neniu volas havi. En Rusio estas leĝo kiu malpermesas importon de la nuklea rubaĵo. Ŝajnas ke pro la ebleco ricevi multe da mono, importante tiun rubaĵon, la rusa parlamento volas ŝanĝi tiun leĝon. Sed Rusio jam havas sufiĉe da propra nuklea rubaĵo kaj ne bezonas aliajn.

Per tio finiĝis la kvara laborkunsido.

Post la manĝo okazis prelegoj pri "Aikido" kaj la "Juda influo en la rusa poezio". Paralele okazis frakciaj kunvenoj.

**KVINA LABORKUNSIDO**

Prezidas **k-do *René BALLAGUY***

La proponkomisiono prezentis la projektojn de Deklaracio kaj Gvidrezolucio. Post detalaj pristudoj, debatoj kaj ŝanĝoj la du dokumentoj estis adoptitaj (vidu lastmonatan Sennaciulon).

Post la tagmanĝo okazis solena fermo de la Kongreso, dum kiu s-ro *Istvan Tüttö*, urbestro de sudokcidenta hungara urbo Nagykanizsa, en bela Esperanto invitis nian 74-an SAT-kongreson al sia urbo. La invito estis kun aplaŭdo akceptita.

Sekvis la saluto de la prezidanto de la OKK, nia k-do *Tibor Szabadi*, kiu invitis la ĉeestantaron starigi la demandojn pri la venonta kongreso. Sekvas pluraj praktikaj demandoj kaj rimarkoj kiujn la OKK bone notis. Fine de la demandaro oni invitis la membrojn de la moskva OKK al la podio.

K-do *Barkoviĉ* elkore dankis al ili pro la bona organiza laboro kaj ĉiuj faritaj klopodoj. Kiel danko oni transdonis al ili florojn kaj librojn. Li fermis la kongreson, donante al ĉiuj rendevuon venontjare en Nagykanizsa.

*Protokolis: G.O. kaj K.B.*




# 74-a kongreso de SAT

## 2001.julio 14-20
## en Nagykanizsa, Hungario

Organiza Kongresa Komitato (OKK) :
Prezidanto : Tibor SZABADI, PF 66, HU-8800 Nagykanizsa. retadreso: <esptibor@pro.hu>, Tel. +36.93.314.377.
Sekretario : Béla KOVACS, Béla kiraly u. 44, HU-7400 Kaposvar.

Kotiztabelo (ĉiuj prezoj en Francaj Frankoj kaj € )

| Kategorio | 31.12.2000 | 31.03.2001 | 31.05.2001 | poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 300 FRF/46,15€ | 360 FRF/55,38€ | 430 FRF/66,15€ | 500 FRF/76,92€ |
| SAT-geedzoj | 480 FRF/73,85€ | 580 FRF/89,23€ | 690 FRF/106,15€ | 800 FRF/123,08€ |
| SAT-gejunuloj | 150 FRF/23,08€ | 180 FRF/27,69€ | 215 FRF/33,08€ | 250 FRF/38,46€ |
| nemembroj de SAT | 400 FRF/61,54€ | 460 FRF/70,77€ | 530 FRF/81,54€ | 600 FRF/92,31€ |
| geedzoj, SAT-nemembroj | 630 FRF/96,92€ | 730 FRF/112,31€ | 840 FRF/129,23€ | 950 FRF/146,15€ |
| gejunuloj, SAT-nemembroj | 200 FRF/30,77€ | 240 FRF/36,92€ | 285 FRF/43,85€ | 330 FRF/50,77€ |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- o La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- o La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- o La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziajlandoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

# VENDI NOVAN VARON !

Kiam mi legas en Sennaciulo, ke oni devus ŝanĝi la nomon de SAT, "por pli facile propagandi" mi tuj rekonas nian epokon supraĵeman, butikisman en kiu la ĉefa zorgo estas - ne varbi - sed gajni pliaj klientojn, do trovi la plej allogan sloganon, la plej stultan vorton por vendi varon al kliento, kiu tute ne bezonas ĝin. Ve, efektive nia "varo" malfacile vendiĝas. Kaj eble entute SAT ne estas varo. Sed I.F. Bociort vivas en sia epoko. Uson-stile.

Kaj pri la "monstreco" de la nacieco fakte de la naciismo?

Nu, oni devas esti naskita en 1850 por ne kompreni la "monstrecon" de la nacieco, do la naciismo :

La sangan kaj putran kaĉon de Balkano - tion devus senti Rumano ! - kaŭzas naciismo.

La alian sangan putrejon "Israelo/Palestino" kaŭzas naciismo (kun plie religio por pipri la tuton).

Kaj parto de la opozicio al Miloŝeviĉ estas, ke li ne estas sufiĉe naciista.

Kompreneble estas subtilaj distingoj inter "nacieco", patriotismo" kaj "naciismo". Sed la fina rezulto estas ĉiam la sama: Verdun ... Stalingrad...

Nu, oni eventuale konsentu, ke subpremataj minoritatoj defendu sian minacatan kulturon (Korsikanoj, Keltoj(1), Vaskoj en okcidenteŭropo) kvankam estas verŝajne tro malfrue. Kaj ili povus tion fari, apogante sin sur esperanto !

Sed la "patriotismon", la naciismon oni trudas al la infanoj en la lernejoj. Ĝi estas nur venena psiĥa drogo. Oni male povus instrui al ili mondcivitanecon kaj sennaciismon.

"Nacieco" estas nebula esprimo el la pasinta jarcento. Sed naciismo, ĝia avataro, estas plago, estas ja monstro. Kaj tion Zamenhof mem komprenis....antaŭ unu jarcento. Kaj Lanti tute prave primokis la "patriotismon" de la novaj ŝtatoj, kiel Argentinio, kies loĝantaro konsistas el plej heteroklita miksaĵo sen historia tradicio.

Kaj nun venas la minaco de "imperiismo de SAT" ! Ĉu krevi pro rido ?

Ŝaltu vian radioaparaton : vi aŭdos ĉefe kanzonojn en la usona ĵargono. Rigardu la kino-programon: almenaŭ 60% da usonaj filmoj ! Rigardu la butikojn : MacDonalds' kaj la usona furaĝo. Kaj ĉiu fiera naciisto surhavas to-ĉemizon kun usona slogano...

Imperiismo ? Depost la disfalo de Sovetio la sola imperiismo, kiu minacas la mondon estas tiu de la dolaro. Tio signifas, ke 5% de la loĝantaro, tra la potenco de la kapitalisma sistemo, trudas sian "kulturon", t.e. siajn varojn, al la tuta mondo, ankaŭ al tiuj homoj, kiuj eĉ ne havas por manĝi.

Se iu detruas, ne nur la "naciecojn" sed la lingvojn kaj ĉiujn kulturojn, eĉ la grandajn, ŝajne fortikajn, tio estas evidente la usona imperialismo. Kaj SAT estas unu - nu tre modesta - armilo por defendi sin kontraŭ ĝi.

La hodiaŭa trudeco estas, vole nevole, la tutmondiĝado (2), mondcivitaniĝo. La "naciecoij" estas ja ideoj retrogradaj, konceptoj de la pasinta jarcento. Kaj la "sennacieco" jam ekzistas. Sed estas tiu de la dolaro !

Kaj tutmondiĝo ne signifu "usonigadon". Jen la ĉefa demando.

*G. Lagrange*

***

(1) Kaj por defendi sian keltan kulturon, ili uzas... la anglan lingvon !

(2) Notu, ke mi ne diras "globaligado", kio estas ... usonaĵo !



## *Ni legis por vi...*




***Kio estas demokratio ?***
*80 demandoj kaj respondoj - angle verkita de David BEETHAM kaj Kevin BOYLE, esperantigita de Geoffrey SUTTON. Eldonita de UEA, 143 paĝoj. Mendebla ĉe UEA, Roterdamo.*

La celo de tiu ĉi libro estas montri ke la demokrata sistemo estas la ĝis nun plej bona politika sistemo por rilatigi la unuopajn rajtojn kaj la ĝeneralan intereson. Sed tiu libro priskribas nur la parlamentan formon de la demokratio. Ĉu tiu reprezenta sistemo povas esti vere demokrata ?

Jean-Jacques ROUSSEAU «argumentis ke la homoj estas liberaj nur unufoje en kelkaj jaroj ĉe la elektoj; poste ili revenas al la stato de subordiĝo al siaj regantoj, kio ne estas pli bona ol la sklaveco» (p. 19).



Kiam oni scias ke du trionoj de la homaro vivas sub la sistemo de la diktaturo, de la unupartieco (Ĉinio, Irako, Kubo, Libio ktp) oni povas konsideri ke la reprezenta sistemo estas progreso en la historio de la homaro. Sed ĉu ĝiaj malavantaĝoj (konfisko de la povo fare de la elitoj, koruptado, ekonomia malegaleco) ne superas ĝiajn avantaĝojn ? Ĉu ne estas oportune ke la homoj inventu novan tipon de demokratio ? Por ilustri la neceson de tieaj debatoj, nenio estus pli oportuna ol la du desegnaĵoj (ĉiam perfektaj) de la franca ĉefdesegnisto de «Le Monde», kiuj malfermas kaj fermas tiun libron.



*Ivo PEYRAUT*